# ESPERANTISTO SLOVAKA

Redakcio kaj administracio: MARTIN, ČSR-Slovakujo

VI-a JARKOLEKTO • SOMERO 1951 • NUMEROJ 6-7-8

## Enhavo:



## Informoj de SES:

**Kabinetná kancelária predsedu vlády** poďakovala sa za telegram, poslaný predsedovi vlády A. Zápotockému z valného shromaždenia EAČSR a SES dňa 17. júna t. r., s poznámkou „. . . s radosťou sme prijali Vaše uistenie, že pomocou esperanta budete informovať zahraničných esperantistov o mierovom úsilí a o budovaní socializmu v našej vlasti. Prajeme Vám vo Vašej budovateľskej práci veľa zdaru a úspechov. Za predsedu vlády: J. Kazimour v. r.“.

**Krajová pracovná schôdzka Tatranskej oblasti SES** bude dňa 26. augusta t. r., v nedeľu o 9. hod. v Lipt. Mikuláši, v zasadacej sieni Slovakotouru (Leninova 16). Program: 9—12 porady, 12—14 spoločný obed, popoludní návšteva Demänovských jaskýň. Prihlášky na ubytovanie v spol. nocľahárni, na spoločný obed a výlet do jaskýň, najneskoršie do 19. aug. záväzne na adr.: Slovakotour, esperantská sekcia, Lipt. Mikuláš.

**Krajová schôdzka B. Bystrice** bude koncom septembra pri Harmaneckých jaskyniach, s návštevou jaskýň.

**Vyše 500 upomienok** sme rozoslali dlžníkom za časopis a prosíme: zaplaťte bez meškania i Kčs 3.— za upomienku!

**Objednávajte výlučne takto:** Kľúč jazyka Esperanto“ — Slovakotour, Košice; Veľká učebnica J. V. Dolinského — Ján Lamačka, Trenčín, Pod Sokolicami; Slovníček esperantsko-slov. a slov. esp. — Slov. esperantský ústav, Martin.

**Frant. Pytloun,** regiona peranto EAČSR v Hradci Králové, dobre známy i na Slovensku, sa dožil 60 rokov. O jeho zásluhách píše 6. číslo Esperantistu (administrácia v Prahe II., Malá Štepánska 7). Okrem toho je tu zaujímavý úvodník A. Malíka o príčinách nášho nezdaru s ILPE a jeho článok k 30. jubileu založenia KSČ, ďalej článok G. d'Arboussiera o africkej kultúre, básne a rôzne dôležité rubriky, ktoré časopis robia nielen pútavým, ale i odborným a dokonale informujúcim o našom hnutí domácom i zahraničnom. Súčasťou čísla je i esperantsko-český slovníček od Rud. Hromadu.

ESPERANTISTO SLOVAKA (adresa: Martin, ČSR-Slovensko), časopis Slov. esperantského ústavu, vychádza mesačne. — Zakladateľ A. Váňa. — Redigujú: E. V. Tvarožek a vedúci redakcie MUDr. Ľ. Izák. — Členom SES zadarmo. Členovský príspevok 100 Kčs na rok. — Účet Pošt. sporit.: S-9615, Slov. esperantský ústav, Martin. — Novin. výplatné povolilo Riad. pôšt číslom 22.857-I.-1948.. — Dozorný a podací pošt. úrad Martin. — Výmer PIO č. 27.407/49-III/2. — Časopis vypovedať (zrušením členstva v SES) možno len koncom kalendárneho roku pre budúci rok, vrátiť číslo nestačí a takúto formu výpovede neuznávame. — Predplatné možno žalovať u Okresného súdu v Martine.

ESPERANTISTO SLOVAKA (adreso: MARTIN, ČSR-Slovakujo), gazeto de Slovaka Esperanto-Instituto, aperas monate. — Fondinto A. Váňa. — Redaktas E. V. Tvarožek kaj la gvidanto de la redakcio: D-ro Ludoviko Izák.

Tlačiareň — Presejo: Neografia n. p., Martin.

## Preklady textov z 11/12 č. 1950:

A. Juna paŝtisto paŝtis ŝafojn apud vilaĝo. Foje li malbele trompis la vilaĝanojn: li kuris en la vilaĝon kaj kriis: „Lupo! Helpu! Lupo!“ La vilaĝanoj alkuris helpi al li, sed la paŝtisto ridis, ke li nur trompis ilin. Post kelkaj tagoj li ripetis sian ŝercon. Li kriis: „Lupo! Helpu, lupo!“ La homoj denove alkuris, sed ili estis jam pli malmultaj ol la unuan fojon. Post ia tempo la lupo efektive venis. La paŝtisto kuris en la vilaĝon kaj kriis: „Helpu; lupo estas tie ĉi! Lupo!“ Sed neniu venis helpi al li. La lupo atakis la ŝafaron kaj disŝiris kelke da ŝafoj. Al trompisto oni ne kredas, eĉ kiam li diras veron.

B. La valoro de la nacio egalas al la sumo de ĉiuj ĝiaj anoj kune. Sed la valoron de unuopulo oni ne mezuras plu laŭ tio, kiel riĉa li estas, sed laŭ lia laboremo kaj laborrezultoj. Ĉiu el ni havas la devon labori, sed ankaŭ la rajton labori. Nuntempe ni taksas la homojn laŭ la kvalito kaj ne laŭ la speco de ilia laboro, ĉar diversaj specoj de laboro kompletigas sin reciproke kaj estas egale valoraj. Ne gravas, ĉu oni estas laboristo, oficisto, aŭ ministro, ĉar la honeste kaj perfekte farita laboro de ĉiu el ili helpas la progreson de la ŝtato kaj la bonstaton de ĝia loĝantaro.

C. En pasinteco oni kutime aranĝis (okazigis) rikoltsolenon en la diskrikt-urbo, sed nun la centro ne estas plu la distrikt-urbo, sed la plej bona Unueca Terkultura Kooperativo en la koncerna distrikto.

Tiel estas ankaŭ ĉe ni, en la distrikto Myjava. La plej bona UTK estis en la vilaĝo Turá Lúka, kvankam en la someraj monatoj vigle konkuris kun ĝi Krajné, kie la UTK estas ankaŭ altnivela. Sed Turá Lúka venkis — ĝiaj loĝantoj rajte fieras pri tio! Ĝia UTK transiras en la II-an kategorion.

La 27-an de tiu ĉi monato jam depost frua mateno alvenadis al Turá Lúka seninterrompa vico da alegoriaj veturiloj (ĉaroj), plenplenaj da gajvizaĝaj homoj. Ja, kial ne ĝoju tiuj ĉi niaj plej bonaj terkulturistoj? La bonaj rezultoj de la rikolto kaj de la gren-elaĉeto estas sufiĉa kialo, ke niaj terkulturistoj haltu por momento sur sia vojo antaŭen kaj rigardu returne al la farita laboro.

TLAČOVÁ PODPORA.

J. Kiner, Hrabušice 20.—; V. Kaplánek, Marianské Lázně 130.—; A. Páleník, Bratislava 30.—; J. Sepeši, Stupava 50.—; O. Závorková, Most 100.—; V. Jakubčák, Děčín 50.—; J. Bohanus, Ostrava 30.—; K. Havel, Humpolec 80.—; A. Uhljar, Zvolen 20.—; J. Kožušník, Ostrava 30.—; A. Mikšík, Jáchymov 50.—; M. Kucín, Košice 50.—

ESPERANTISTO SLOVAKA

Redakcio kaj administracio: M A R T I N, ČSR-Slovakujo

VI-a JARKOLEKTO ● SOMERO 1951 ● NUMEROJ 6-7-8

# Industriigo de Slovakio

Unu el la ĉefaj taskoj de la unua Kvinjara Plano, kiu nun jam estas en sia tria jaro, estas la industriigo de Slovakio. Tiu ĉi celo estas tre revolucia al la konceptoj, kiuj validis dum la unua ČSR.

Bohemio estis antaŭe la plej industriigita de la iama Aŭstro-Hungara Monarkio: Slovakio estis dum longaj jarcentoj parto de la agrikultura Hungario. Tiu ĉi karaktero de la landoj estis konservita ankaŭ en la unua ČSR, kies ĉefaj konsistaĵoj ili estis. La tiamaj ekonomoj kaj politikistoj senĉese ripetadis, ke Bohemio-Moravio havas plejparte industrian kaj Slovakio agrikulturan karakteron, kaj tiu ĉi stato estis konservata plu, malgraŭ tio, ke Slovakio posedas absolute kaj relative malpli multe da plugebla kaj kulturebla tero ol la ĉeĥaj landoj.

Kia estis la rezulto? La agrikulturo de la plejparte montara Slovakio ne povis vivteni la rapide kreskantan loĝantaron, sed aliaj laboreblecoj ne ekzistis. Nur de tempo al tempo mildigis la malĝojigan situacion konstruo de ia fervojo. Anstataŭ konstrui novajn fabrikojn kaj prilabori la enlandajn krudmaterialojn, la tiama ekonomia sistemo, bazita sur individua egoismo, eksportis ilin. La sekvo estis granda elmigrado, precipe al USN, Kanado, Argentino kaj Francio. Do anstataŭ homa laboro ni eksportadis homojn.

Post la dua mondmilito la situacio radikale ŝanĝiĝis. La registaro kaj la Komunista Partio plene konscias, ke la malprogresinteco de Slovakio, lando ĝis nun intence neglektata, povos esti forigita nur tiam, se la vivnivelo de ĝia loĝantaro estos egaligita al la vivnivelo de la loĝantaro en Ĉeĥaj landoj. Tiu egaligo povas okazi nur per grandskala industriigo, precipe de regionoj, kiuj havas superfluon da laborfortoj. Hodiaŭ ni do alportas la laboron proksimen al la homoj, anstataŭ igi ilin serĉi laboron. Ĉie en Slovakio estas konstruataj novaj fabrikoj laŭ la karaktero de la pro-

duktoj de la koncerna regiono. Ni ne plu eksportas krudmaterialojn kaj homojn, sed varojn, kiuj jam enhavas la valoron de la altkvalita laboro de nia laboristaro. Al Slovakio estis transportitaj ankaŭ fabrikoj el ĉeĥaj landoj, kiuj tie ne trovis sufiĉe da laborforto; estas konstruataj elektrejoj, valbaraĵoj, ŝoseoj kaj aliaj publike utilaj konstruaĵoj kaj entreprenoj, kiuj donos laboron al centmiloj da laboristoj kaj grandajn kvantojn da diversaj produktoj al nia en-kaj eksterlanda komerco. Vigla konstrua vivo pulsas tra la tuta lando. Regionoj ĝis nun ekonomie „forgesataj“ kaj tiel neglektataj, fariĝas fonto de bonstato por la popolo kaj fonto de riĉaĵoj por la nacia ekonomio. Teritorioj, kie mizero estis la ĉefa karakteriza trajto kaj kie oni tiun ĉi mizeron preskaŭ konservadis por ke eventuale „ne estu difektita la tipa folkloro“, konsiderata grava por turismo kaj fremdultrafiko, malgraŭ tio, ke sub „tipa folkloro“ kaŝiĝis plejparte kadukiĝantaj lignaj dometoj, mizero, elmigrado, nesufiĉa nutrado ktp. — fariĝas prosperaj.

Do ni vidas, ke la romantismo de la antaŭaj tempoj estas anstataŭata per tute praktika kaj celkonscia laŭplana agado, kiu rezultigos plialtigon de la vivnivelo kaj bonstato de la loĝantaro. Tio ĉi estas ebla nur dank' al la fakto, ke la industrio en ČSR estis naciigita kaj ŝtatigita kaj ke la industriigo de Slovakio okazas kiel neforigebla parto de nia Kvinjara Plano, kies celo estas „Feliĉa Slovakio en socialista Ĉeĥoslovakio.“

*Adolf Malík:*

# Voĉdonu por paco!

Venis la tempo pri granda decido:
Pakto de Paco nin ĉiujn kunvokas,
militkrimuloj kun sia perfido
regas en UNO kaj ruze nin mokas.

Digon de paco ni ĝoje masonu,
kiun krimuloj jam ne plu detruos;
kantoj de paco senfine eksonu
aŭdu, ni novan ja mondon konstruos.

Paca ideo la mondon malfermas,
flugas trans marojn la Packolombinoj,
ĉie en mondo la paco jam ĝermas,
vivos feliĉe vi, knaboj, knabinoj!

Noblaj ideoj de pacdefendantoj
vokas vin krei amikan ja rondon,
tondri ne povos plu militplanantoj,
se nur la paco ekbridos la mondon.

Kiu subskribas la Pakton de Paco,
ŝirmas la hejmon kaj kreas ŝtal-vangon
kontraŭ la bomboj, armil-erinaco,
savas homdignon kaj savas homsangon.

Forte ni staru, ho, fratoj amataj,
mondo de vivo — jen estas la spaco,
kie bonfaroj ja estos benataj,
tial kuraĝe voĉdonu por paco!

# Fundamentoj de Leninismo

Unuj diras, ke leninismo estas apliko de marksismo al specifaj kondiĉoj de rusiaj cirkonstancoj. Tiu ĉi difino havas parton da vero, sed ĝi ne ĝisfine elĉerpas la tutan veron. Lenin efektive aplikis marksismon al la rusa realo kaj aplikas ĝin majstre. Sed se leninismo estas nur aplikado de marksismo al specifaj kondiĉoj de Rusio, tiam leninismo estus pure nacia kaj nur nacia, pure rusa kaj nur rusa fenomeno. Tamen ni scias, ke leninismo estas fenomeno internacia, havanta radikojn en la tuta internacia evoluo, do ne nur rusa fenomeno. Jen kial mi opinias, ke ĉi difino suferas unuflankecon.

Aliaj diras, ke leninismo estas renaskiĝo de la revoluciaj elementoj marksismaj de kvardekajjaroj de la 19 jarcento, diference de la marksismo de postaj jaroj, kiam ĝi fariĝis ŝajne modera, nerevoluciema. Sed oni fortirus sin de ĉi malsaĝa kaj vulgara divido de Marksa dogmo je du partoj, revoluciema kaj modera, oni konfesus, ke eĉ tiu tute nesufiĉa kaj nekontentiga difino enhavas parton da vero. Konsistas ĝi, ĉi parto da vero, el tio, ke Lenin efektive renaskigis la revolucian enhavon de marksismo, enmurigitan de oportunistoj el II. Internacio. Sed ĝi estas nur parto da vero. La tuta vero pri leninismo konsistas el tio, ke leninismo ne nur renaskigis marksismon, sed ĝi faris ankoraŭ unu paŝon antaŭen, disvolvinte marksismon plu en novaj kondiĉoj de kapitalismo kaj klasbatalo proleta.

Kio do finfine estas leninismo?

Leninismo estas marksismo en epoko de kapitalismo kaj proleta revolucio. Pli precize, leninismo estas teorio kaj taktiko de proleta revolucio ĝenerale, teorio kaj taktiko de proleta diktaturo precipe. Marks kaj Engels estis agantoj dum antaŭrevolucia periodo (ni aludas la revolucion proletan), kiam ankoraŭ ne ekzistis disvolviĝinta imperialismo, dum la periodo de sinpreparo de proletoj al revolucio, dum periodo, kiam proleta revolucio ne estis ankoraŭ senpera praktika neevitéblaĵo. Kaj Lenin, lernanto de Marks kaj Engels, estis aganta dum disvolvita imperialismo, dum disvolviĝanta proleta revolucio, kiam la proleta revolucio jam venkis en unu lando, frakasis la burĝan demokration kaj komencis epokon de proleta demokratio, epokon de sovetoj. Jen kial leninismo estas plua disvolvo de marksismo.

Oni notas ordinare bataleman kaj ekstreme revolucieman karakteron de leninismo. La noto estas tute ĝusta. Sed ĉi apartaĵo de leninismo estas klarigebla per du kaŭzoj: unue per tio, ke leninismo eliris el proleta revolucio, kies postsignon ĝi ne povas ne porti sur si; due per tio, ke ĝi elkreskis kaj fortikiĝis dum interbataloj kun oportunismo de la II. Internacio, batalo kontraŭ kiu estas kaj estis necesa premiso por sukcesa batalo kontraŭ kapitalismo. Ni ne forgesu, ke inter Marks kaj Engels unuflanke kaj Lenin — aliflanke, kuŝas la tuta periodo de la sendivida dominado de oportunismo de la II. Internacio, la senindulga batalo kontraŭ kiu ne povas ne formiĝi unu el la plej gravaj de leninismo.

## I. La historiaj radikoj de leninismo.

Leninismo elkreskis kaj formiĝis en kondiĉoj de imperialismo, kiam la kontraŭaĵoj de kapitalismo atingis ekstreman punkton, kiam la proleta revolucio fariĝis problemo de senpera praktiko, kiam la malnova periodo de laboristara sinpreparo al revolucio finiĝis kaj superkreskis en novan periodon de senpera atako kontraŭ kapitalismo.

Lenin nomis la imperialismon „mortanta kapitalismo". Kial? Ĉar imperialismo alkondukas la kontraŭaĵojn de kapitalismo ĝis la lasta linio, ĝis ekstremaj linioj, post kiuj komenciĝas revolucio.

Oni konsideru kiel la plej gravaj tri kontraŭaĵojn.

*Unua kontraŭaĵo* — tiu inter laboro kaj kapitalo. Imperialismo estas tutpotenco de monopolaj trustoj kaj sindikatoj, de bankoj kaj financa oligarkio en industriaj landoj. En batalo kontraŭ ĉi tutopotenco la ordinaraj metodoj de laborista klaso — prof-sindikatoj kaj kooperativoj, parlamentaj partioj kaj parlamenta batalo — evidentiĝis tute ne sufiĉaj. Aŭ fordonu vin je dispono de kapitalo, mizervivu kiel antaŭe kaj malsupreniĝu, aŭ prenu la novan batalilon — tiel la imperialismo starigas la problemon antaŭ la milionaj amasoj de proletaro. La imperialismo alkondukas laboristan klason al revolucio.

*Dua kontraŭaĵo* — tiu inter diversaj financaj grupoj kaj imperialismaj ŝstatoj en ilia batalo por fonto de krudaĵo, por fremdaj teritorioj. La imperialismo estas eksporto de kapitalo al krudaĵfontoj, furioza batalo por monopola posedo de ĉi fontoj, batalo por redividi jam dividitan mondon, batalo, efektivigata kun aparta obstinego flanke de novaj financaj grupoj kaj ŝtatoj, aspirantaj „lokon sub la suno" kontraŭ malnovaj grupoj kaj ŝtatoj, kroĉe tenantaj la uzurpitaĵon. Tiu furioza ba-

talo inter diversaj grupoj de kapitalistoj estas rimarkinda tiurilate, ke ĝi havas en si, kiel neeviteblan elementon, la imperialismajn militojn, militojn por kapti fremdajn teritoriojn. Ĉi cirkonstanco, siavice, estas rimarkinda tiurilate, ke ĝi kondukas al reciproka malfortiĝo de imperialistoj, al la malfortiĝo de kapitalismaj pozicioj ĝenerale, al proksimiĝo de proletrevolucia momento, al praktika neceso de ĉi revolucio.

*Tria kontraŭaĵo* — tiu inter areto da potencantaj „civilizitaj" nacioj kaj centmilionoj da koloniaj kaj dependaj popoloj de l'mondo. La imperialismo estas plej impertinenta ekspluatado kaj plej malhumana premado kontraŭ centmiliona loĝantaro de vastegaj koloniaj kaj dependaj landoj. La elpremo de superprofito — tia estas celo de la ekspluatado kaj de la premado. Sed ekspluatante ĉi landojn, imperialismo estas devigata konstrui tie fervojojn, fabrikojn kaj uzinojn, industriajn kaj komercajn centrojn. Apero de klaso proleta, embriiĝo de indiĝena inteligentularo, vekiĝo de nacia memkonscio, plifortiĝo de liberiga movado — estas la neeviteblaj rezultoj de tiu ĉi „politiko". Plifortigo de revolucia movado en ĉiuj, senescepte, koloniaj kaj dependaj landoj evidentige tion atestas. Ĉi cirkonstanco gravas por proletaro tiurilate, ke ĝi en radiko mem subfosas la poziciojn de kapitalismo, transformante la koloniajn kaj dependajn landojn el rezervoj de kapitasmo en rezérvojn de revolucio proleta.

Tiaj ĝenerale estas la ĉefaj kontraŭaĵoj de imperialismo, transformintaj la iaman „florantan" kapitalismon en kapitalismon mortantan.

Signifo de la imperialisma milito, eksplodinta antaŭ 10 jaroj konsistas, interalie, el tio, ke ĝi kolektis ĉiujn ĉi kontraŭaĵojn en unu nodon kaj ĵetis ilin sur pesilteleron, rapidiginte kaj faciliginte la revoluciajn batalojn de proletaro.

Alidire, imperialismo alkondukis ne nur al tio, ke revolucio fariĝis praktika neeviteblo, sed ankaŭ al tio, ke kreiĝis la favoraj kondiĉoj por senpera atako kontraŭ kapitalismaj citadeloj.

Tiaj estas la internaciaj cirkonstancoj, naskintaj la leninismon.

Ĉio ĉi estas bona, oni diros al mi, sed kiel ĝi koncernas Rusion, kiu ja ne estis kaj ne povis esti klasika lando de l'imperialismo? Kiel ĝi koncernas Lenin'on, kiu laboris antaŭ ĉio en Ruslando kaj por Ruslando? Kial ĝuste Rusio fariĝis fajrujo de leninismo, naskolando de teorio kaj praktiko de la revolucio proleta?

Tial, ke Rusio estis pli graveda je revolucio, ol ajna alia lando kaj tial nur ĝi kapablis solvi kontraŭaĵojn per revolucia maniero.

Oni komencu de tio, ke cara Rusio estis lando de ĉiaspeca premado — ĉu kapitalista, ĉu kolonia, ĉu milita — prenita en ĝia plej senhumana kaj barbara formo. Kiu ne scius, ke en Rusio plenpotenco de kapitalo estis kunfandiĝanta kun despoteco de carismo, agresiveco de rusia naciismo — kun ekzekut-tendenco de carismo rilate al nerusaj popoloj, eksplautado de tutaj regionoj — Turkio, Persio, Ĉino — kun carisma anekso de ĉi regionoj, kun milito por la anekso. Lenin pravis, dirante, ke carismo estas „milit-feŭda imperialismo". Carismo estis centra punkto de la plej negativaj flankoj de imperialismo kvadratigitaj.

Plue. Cara Rusio estis plej granda rezervujo por okcidenta imperialismo ne nur tiusence, ke ĝi permesis la liberan enireblon al alidanda kapitalo, kiu tenis en la manoj tiom decidantajn branĉojn de rusa popolekonomio, kiel hejtaĵo kaj metalurgio, sed ankaŭ tiusence, ke ĝi povis liveri por okcidentaj imperialistoj milionojn da soldatoj. Rememoru la 12-milionan rusan armeon verŝintan la sangon sur imperialistaj frontoj por garantii furioze-grandajn profitojn de la anglo-francaj kapitalistoj.

Plue. Carismo estis ne nur cerbero de imperialismo en oriento de Eŭropo, sed ĝi estis ankaŭ agentejo de okcidenta imperialismo por eltiri el la loĝantaro centmilionojn da procentoj por la pruntoj, donitaj al ĝi en Parizo kaj Londono, en Berlino kaj Bruselo.

Fine, carismo estis la plej fidela kunulo de okcidenta imperialismo en divido de Turkio, Persio, Ĉinio ktp. ktp. Kiu ne scias, ke la imperialisma milito estis kondukata de carismo en unuiĝo kun imperialistoj el Entento, ke Rusio estis esenca elemento de tiu ĉi milito?

Jen kial interesoj de carismo kaj de okcidenta imperialismo estis interplektataj kaj kunfandiĝantaj finfine en unu volvon de interesoj imperialismaj. Ĉu povis la imperialismo okcidenta paciĝi kun perdo de tiel potenca subteno en Oriento kaj tiel riĉa rezervujo de fortoj kaj rimedoj, kiel malnova, cara burĝa Rusio, neelprovinte ĉiujn siajn fortojn por ĝismorta batalo kontraŭ la revolucio en Rusio, celante plendefendon kaj konservadon de la carismo? Certe, ĝi ne povis!

Sed el tio sekvas, ke ĉiu, deziranta bati carismon, neeviteblé levis manon kontraŭ imperialismo, ĉiu ribelanta kontraŭ carismo devis ribeli kontraŭ imperialismo, ĉar tiu, kiu detronigis la carismon, devis ankaŭ

detronigi la imperialismon, se li efektive intencis ne nur frakasi la carismon, sed ankaŭ finbati ĝin sen resto. Revolucio kontraŭ la carismo estis, tiamaniere, proksimiĝanta kaj superkreskonta en revolucion kontraŭ imperialismo, en revolucion proletan.

Kaj dume en Rusio leviĝis la plej granda popola revolucio, kies ĉefo estis plej revoluciema en la mondo proletaro, posedanta tiel seriozan kunulon, kiel la revolucia kamparanaro de Rusio. Ĉu necesas argumenti, ke tia revolucio ne povis halti sur duonvojo, ke en okazo de sukceso ĝi devis iri plu, levinte la standardon de ribelo kontraŭ imperialismo?

Jen kial Rusio devis fariĝi la nodpunkto de kontraŭaĵoj ne nur tiusence, ke ĉi kontraŭaĵoj estis plej facile evidentigataj ĝuste en Rusio, pro tiu abomena kaj aparte netorelebla ilia karaktero, kaj nur tial, ke Rusio estis la plej grava apogo por okcidenta imperialismo, liganta la financan kapitalon de Okcidento kun kolonioj de Oriento, sed ankaŭ tial, ke nur en Rusio ekzistis reala forto, povanta solvi la kontraŭaĵojn de imperialismo per revolucia maniero.

Sed el ĉi tio sekvas, ke revolucio en Ruslando ne povis ne fariĝi proleta, ke ĝi ne povis ne akcepti jam en la unuaj tagoj de sia dissolvo la internacian karakteron, ke ĝi ne povis tiamaniere ne skui la fundamentojn mem de mondimperialismo.

Ĉu la rusaj komunistoj dum tia aferstato povis sin limigi en sia laboro per mallarĝe naciaj kadroj de ruslanda revolucio? Kompreneble, ne! Male, la tuta kondiĉaro, kiel interna (la plej profunda revolucia krizo), tiel ankaŭ ekstera (la milito) puŝis ilin al transiro en ilia laboro ekster tiujn kadrojn al transporto de la lukto sur internacian arenon, al malkovro de ulceroj imperialismaj, al pruvado de neeviteblo de kapitalisma pereo, al frakaso de social-ŝovinismo kaj social-pacifismo, finfine, al faligo de kapitalismo en sia lando kaj al elforĝo de nova batalilo por proletaro, — teorio kaj taktiko de proleta revolucio — por plifaciligi al proletoj ĉiulandaj la aferon de detronigo de kapitalismo. Rusaj komunistoj alie ne povis agi, ĉar nur sur tiu ĉi vojo oni povis esperi certajn ŝanĝojn en internaciaj cirkonstancoj, kiuj povis sekuri Rusion kontraŭ restarigo de burĝa sistemo.

Jen kial Rusio fariĝis fajrujo de leninismo, kaj la gvidanto de rusaj komunistoj — ties kreanto.

Al Rusio kaj Lenin „okazis“ tiam proksimume la samo, kio okazis

al Germanio kaj Marks-Engels dum kvardekaj jaroj de l'pasinta jarcento. Germanio estis graveda tiam tiel same, kiel Rusio komence de la 20-a jarcento, per burĝa revolucio. Marks skribis tiam en „La K. M.":

„Germanion komunistoj ĉefatentas tial, ke ĝi troviĝas antaŭtage de burĝa revolucio, tial, ke ĝi plenumos ĉi tiun renverson en pli progresemaj kondiĉoj de eŭropa civilizo ĝenerale, kun ege pli evoluinta proletaro, ol en Anglio de XVII. jarcento kaj de Francio de XVIII. jarcento. Germana burĝa revolucio, sekve, povos esti nur senpera prologo al proleta revolucio".

Alidire, la centro de revolucia movado estis translokiĝinta en Germanion. Ĉu oni povas dubi pri tio, ke ĝuste tiu ĉi cirkonstanco, notita de Marks en suprecititaĵo, servis kiel probabla kaŭzo por tio, ke ĝuste Germanio fariĝu la patrio de scienca socialismo kaj la gvidantoj de germana proletaro — Marks kaj Engels — ties kreantoj.

La samon, eĉ pli altgrade oni povas diri pri Rusio komence de XX-a jarcento. Rusio dum tiu ĉi periodo troviĝis antaŭ la burĝa revolucio, ĝi devis efektivigi revolucion en pli progresemaj kondiĉoj en Eŭropo kaj kun pli evoluinta proletaro, ol Germanio, (jam ne menciante Anglion kaj Francion) kaj samtempe ĉio atestis, ke ĉi tiu revolucio devis servi, kiel fermentilo kaj prologo por proleta revolucio. Oni ne devas opinii hazarda la fakton, ke Lenin jam en la jaro 1902, kiam rusa revolucio nur estis embriiĝanta, skribis en sia broŝuro „Kion fari?" profetajn vortojn pri tio, ke:

„La historio metis antaŭ ni (t.-e. rusaj marksistoj. J. St.) plej proksiman taskon, kiu estas la plej revolucia el ĉiuj proksimegaj taskoj de proletaro en ajna lando. Efektivigo de ĉi tasko, ruinigo de la plej potenca apogilo de ne nur eŭropa, sed ankaŭ de azia reakcio, farus rusan proletaron avantgardo de internacia revolucia proletaro".

Alidire, la centro de revolucia movado devis translokiĝi en Rusion. Estas konate, ke la procedo de la revolucio en Rusio pravigis tian profetaĵon de Lenin kun superfluo.

Ĉu estas mirinde post ĉio ĉi, ke la lando farinta tiam revolucion kaj posedanta tiam proletaron, fariĝis patrolando de la teorio kaj taktiko de proletrevolucio?

Ĉu estas mirinde, ke la gvidanto de tiu ĉi proletaro, Lenin, fariĝis samtempe kreanto de tiu ĉi teorio kaj taktiko kaj gvidanto de internacia proletaro?



Post laboro estas bonvena agrabla ekskurso.

# Opinioj pri Esperanto

(Sendis *E. Vince*, Arad, Rumanio).

RÁKOSI MÁTYÁS
*ĝenerala sekretario de la Hungara Laborista Partio, vic-ĉefministro de Hungario:*

Mi la lingvon Esperanto tre ŝatas kaj ĝin alte taksas.

LEV NIKOLAJEVIČ TOLSTOJ
*mondkonata rusa filozofo kaj realisto (1828—1910):*

La peno, kiun oni dediĉas al el-

RÁKOSI MÁTYÁS
*generálny tajomník Strany pracujúcich Maďarska, podpredseda vlády Maďarskej ľudovej republiky:*

Jazyk esperanto mám rád a vysoko si ho cením.

LEV NIKOLAJEVIČ TOLSTOJ
*svetoznámy spisovateľ-realista a filozof (1828—1910):*

Námaha, naučiť sa Esperantu, je

lerno de Esperanto, estas tiel eta, kaj la rezulto, kiun oni povas pere de ĝi atingi, tiel granda, ke ĉiu devus tiun ĉi penon oferi.

ASSEN GRIGOROV
*iama sekretario de Georgi Dimitrov:*

Kiel bonaj patriotoj, kiuj amas siajn patrujon kaj nacion, ni kun bona sukceso uzas Esperanton ĉi-maniere: Antaŭ ĉio ni restarigis ĉiujn de la milito interrompitajn rilatojn kun eksterlando. Ni plivastigis la reton de niaj internaciaj korespondantoj. En tiu ĉi nia klopodado ege al ni helpas nia gazeto „Internacia Kulturo."

JAURÈS
*franca socialisto, politikisto kaj filozofo (1859—1914):*

Esperanto estas la latino de la demokratio.

ADY ENDRE
*eminenta hungara poeto (1877—1919) aperigis la 4-an de sept. 1906 en la tagĵurnalo „Budapesti Napló" sub la titolo „Unu hungara problemo" artikolon pri Esperanto. Interalie li skribas:*

Nia vivo trovas sian savon nur en internacionalismo. La vivo estos ĉiam pli komplika kaj malfacila. Ni ne havos tempon studi lingvojn. Ni do devas bone zorgi, ke ni ellernu krom la gepatra ankaŭ la komunan lingvon . . . Decus, ke

tak nepatrná, a výsledok, ktorý sa ním môže dosiahnuť, je taký veľký, že by každý mal túto námahu vynaložiť.

ASSEN GRIGOROV
*bývalý tajomník Georgi Dimitrova:*

Ako dobrí vlastenci, ktorí majú radi svoju vlasť a národ, my takto upotrebúvame Esperanto s dobrým úspechom: predovšetkým sme znovu nadviazali všetky vojnou pretrhané styky s cudzinou. Rozšírili sme sieť svojich medzinárodných korešpondentov. V tomto našom snažení nás veľmi podporuje náš časopis „Internacia Kulturo."

JAURÈS
*francúzsky socialista, politik a filozof (1859—1914):*

Esperanto je latinčinou demokracie.

ADY ENDRE
vynikajúci maďarský básnik (1877—*1919), napísal dňa 4. sept. 1906 do denníka „Budapesti Napló" na tému „Jeden maďarský problém" článok o esperante. Medziiným píše toto:*

Náš život má záchranu len v internacionalizme. Život bude čoraz zložitejší a ťažší. Nebudeme mať čas učiť sa rečiam. Musíme teda mať na pamäti, aby sme si popri materčine osvojili aj spoločnú reč . . . Patrilo by sa, aby zpomedzi

el inter ni estiĝu (eliru) la plej fanatikaj apostoloj de la internacia lingvo, ĉar tia internacia lingvo elŝirus nin samtempe el inter la ungegoj de la germanismo.

KOSSA ISTVÁN
*ministro de laboro en la Popola Hungara Respubliko:*

Por atingi la kulturan disvolviĝon de la laboristaro, por efektivigi la liberecon de nacioj, por atingi pacon inter liberaj nacioj, por konstrui dedmokratan Hungarujon, ja eĉ por starigo de internaciaj rilatoj de nova Hungarujo ni nepre bezonas la helplingvon Esperanto.

GERGELY SÁNDOR
*progresema hungara verkisto:*

En la liberigaj bataloj de la laboristaro Esperanto estas uzebla kiel batalilo. Pere de ĝi la diverslingvaj proletoj en la internacia laborista movado pli facile interkompreniĝos.

HENRI BARBUSSE
*grava progresema verkisto franca*

Ni socialistoj devas etendi ambaŭ niajn manojn por preni tiun ĉi miraklofarantan ŝlosilon, kiu malŝlosas al ĉiu la tutan mondon. Tiu ĉi ŝlosilo estas Esperanto, en kiuj estas entenataj ĉiuj valoroj kaj en kiu estas amasigitaj ĉiuj bonoj.

nás vyšli najfanatickejší apoštolovia medzinárodnej reči, lebo takáto medzinárodná reč by nás súčasne vyrvala aj z pazúrov nemectva.

KOSSA ISTVÁN
*minister práce Maďarskej ľudovodemokratickej republiky:*

Na kultúrny rozvoj robotníctva, na uskutočnenie slobody národov, na dosiahnutie pokoja pre slobodné národy, na výstavbu demokratického Maďarska, ba i na vytvorenie medzinárodných stykov nového Maďarska bezpodmienečne potrebujeme pomocný jazyk esperanto.

GERGELY SÁNDOR
*pokrokový maďarský spisovateľ:*

V boji robotníctva o oslobodenie možno použiť esperanto ako bojový prostriedok. Rôznorečoví proletári v medzinárodnom robotníckom hnutí s pomocou esperanta skôr sa dorozumejú.

HENRI BARBUSSE
*významný pokrokový francúzsky spisovateľ*

My socialisti musíme oboma rukami siahnuť po tomto divotvornom kľúči, ktorý každému otvára celý svet. Týmto kľúčom je Esperanto, v ktorom sú obsiahnuté všetky hodnoty a v ktorom je nahromadené všetko dobro.

*Dr. Ján Boor:*

# Mikuláš Schneider-Trnavský 70-jara

Komponisto Mikuláš (Nikolao) Schneider-Trnavský finis en majo sian 70-an vivjaron. La reprezentantoj de la muzika vivo el Slovakio kaj eĉ el ĉeĥaj landoj estimplene gratulis lin kaj dankeme valortaksis lian vivoverkon. Prave okazis tiel, ĉar la signifo de M. Schneider-Trnavský por nia muzika kulturo estas granda; lia nomo, kies famo penetris eĉ en eksterlandon, apartenas al la plej meritplenaj kaj noblé répréżéntas la slovakan muziksenton.

Schneider-Trnavský diras pri si mem, ke li estas lirikulo. Kiel tia, li estas antaŭ ĉio majstro pri etaj formoj. Lia domeno estas la kanto kaj en ĝi montriĝas liaj specifike slovakaj karakterizaj trajtoj. Sen la slovaka popolkanto, kiu estas por li viva, senfunda fonto de inspiro, verŝajne ne ekzistus Schneider-Trnavský — majstro pri artkanto. Li studis en altaj muzikinstitutoj de Vieno, Budapeŝto kaj Praha, do liaj muzika eduko, komponista tekniko kaj esprimmaniero estas tipe mezeŭropaj.

Sian intiman rilaton al kanto esprimis Schneider-Trnavský en sia kreado per kelkaj manieroj. Li aranĝadis popolkantojn kaj eldonadis ilin kun propra pian-akompano. Ĉi-rilate li faris grandan laboron, gajnante samtempe inspiron por kreo de artkantoj, da kiuj li havas kelkajn kolektojn. La plej belaj estas „*Larmoj kaj Ridetoj*“ kaj „*El la Koro*“. Fine li dediĉis sin al komponado de ĥorkantoj, per kiuj li ankaŭ konsiderinde pliriĉigis nian muziktrezoron. Hodiaŭ ni apenaŭ povas imagi koncertprogramon sen kantoj de Schneider-Trnavský — en tia aŭ alia formo — kaj ĝuste tiu ĉi parto de lia verko trovis koran akcepton en niaj familioj kaj fariĝis daŭra, intima posedaĵo de la popolo.

Kompreneble, ni devas mencii ankaŭ la ceteran parton de la verko de nia jubileulo, malgraŭ tio, ke ĝi kelkrilate estas jam superita kaj ne plu moderna. El inter liaj komponaĵoj por orkestro elstaras „*Elegio kaj Danco*“ kaj la simfoniaj poemoj „*Jánošík*“ kaj „*La Promeso de Pribina*“. Ni menciu ankaŭ lian longjaran aktivadon kiel orgenisto en Trnava, el kiu rezultis impona vico da ekleziecaj komponaĵoj.

En la muziko de Schneider-Trnavský ni eĉ hodiaŭ alte taksas ĝian ĉarmon, riĉecon de melodio (la jubileulo estas nomata ankaŭ „la slo-

vaka Schubert") kaj kompreneblecon. Tiuj ĉi ecoj sekurigis al ĝi honoran lokon en niaj bonaj muzikaj tradicioj kaj faras la majstron unu el la grandaj kreantoj de nia kulturo. En multaj rilatoj Mikuláš Schneider-Trnavský kunligas la pasintecon kun nuntempo kaj la popolan kreadon kun la arta muziko.



Ni batalas por la paco, por ke feliĉa rideto neniam devu forlasi la lipojn de patrinoj kaj infanoj en la tuta mondo.

*Milda Jakubcová:*

# Latvaj popolkantoj

Dank' al Esperanto mi havas eblecon konatiĝi aliajn popolojn iom pli detale kun karaktero de latva nacio.

Tradicio de latva popolo estas tiel nomitaj Latvju Dainas — latvaj popolkantoj, kiujn la popolo konservis transdonante ilin buŝe de unu generacio al la alia.

Latvaj popolkantoj devenas de patriarka florepoko (depost la fera epoko). La kanto kaj kantado estas unu el la plej valoraj havaĵoj de la popolo; ĝi akompanas Latvon jam de patrina sino — kiel en ĝojo, same en malĝojo, laboro kaj kiel fidela gvidanto ĝi ne forlasas la homon dum lia tuta vivo. La popolkantoj estas plej bona spegulo de latva kulturo.

Latva popolo estis poeto, ĉiupaŝe ĝi prikantis ĉiun objekton kaj aperaĵon kiel en la naturo, same en la vivo.

Latva popolkanto estas verasence plej bona kaj plena enciklopedio. Ĉiam estis latva nacio firme ligita kun kantoj. Certaj kantoj estis kantataj en konvenaj momentoj kaj cirkonstancoj. La tuta vivo estis trapenetrita per popolkantoj.

La unua presita latva popolkanto aperis en la jaro 1632 en skribaĵkolektejo de profesoro de historio F. Menijs en Tallin. La unuan kolektadon de popolkantoj iniciatis niaj popolklerigantoj: Kr. Valdemars, Fr. Brivzemnieks kaj Kr. Barons.

Kr. Barons dediĉis 45 jarojn al materiale senprofita laboro, sed por latva popolo plej valora heredaĵo — per ordigado kaj eldonado de popolkantoj. Li naskiĝis la 31. 10. 1835 kaj mortis la 8. 3. 1923. Li apartenas al la unuaj batalantoj por nia nacia klereco.

En la jaro 1863 li eldonis 1118 popolkantojn (per rusaj literoj en latva lingvo), sed la nombro de popolkantoj kreskis de tago al tago kaj kiam li ricevis de Brivzemnieks (kiu ĉirkaŭvojaĝis Latvion por kolekti ilin ) 54.000 da popolkantoj, ĉiuj decidis, ke Kr. Barons transprenu la tutan laboron mem kaj sen ripozo, sen rekompenco li laboris.

Kr. Barons dividis la popolkantojn jene: I-a parto enhavas kantojn pri kantado pri orfoj. En II-a parto estas kantoj pri svatado, edziĝkantoj, vivfino kaj morto. En III-a parto kantoj pri laboro kaj metioj, en IV-a parto pri sinokupado, homrangoj, kantoj pri patrujo, en V-a

parto festoj, festotagoj, kanto de mito de fine VI-a parto kun kantoj vulgaretaj.

Ĝis la jaro 1940 estis jam kolektikaj kaj presitaj 500.000 da originalaj popolkantoj kaj 500.000 da popolkantoj kun variantoj. Komprenebla, ke la kolektado estas daŭrigata kaj nombro de popolkantoj pligrandiĝas. Samtempe estis kolektataj ankaŭ melodioj de la popolkantoj harmonigitaj de komponisto A. Jurjans — ankaŭ lia melodikolektado atingis nombron de kelkaj cent miloj.

Ĉio estos pli klara, se mi diros, ke 80% da „Dainas" estis verkitaj de virinoj, precipe la plej malnovaj kantoj, kiuj estas dediĉitaj al kulto, estis kantataj sole de virinoj. Animo de latva viro en florepoko de popolkantoj — silentis.

La karaktero de latvaj popolkantoj estas plejparte lirika, metriko konsistas el trokeo kaj daktilo.

Latvaj popolkantoj ne havas rimon, kio pruvas tre praan ilian devenon. Jen malgranda nur ekzemplo:

Suno kuris nehaltante,
en la ombro restis mi.
Mi ne havas mian panjon
por en sunon meti min.

Kuru suno, min atendu,
kion diros mi al vi: —
Portu vi al mia panjo
bonvesperojn korajn mil.

Suno estas jam malalte,
malproksime la patrin' —
kuris mi ne kuratingis,
vokis — ne revokis plu.

Same kiel Ĉeĥoslovakoj en certaj jaroj aranĝas Sokolfestojn — Latvoj aranĝas siajn amasajn kantofestojn. De ĉiuj regionoj, laŭ ĉiuj vojoj kiel superakvego fluas amase kantistoj kaj aŭskultantoj al Riga.

---

*Al tutmondaj esperantistoj!* Ni kore dankas al ĉiuj, kiuj sendis esperantaĵojn por nia ekspozicio. Pro tempo-nesufiĉo la ekspozicio ne povis okazi en februaro; ni okazigos ĝin en aŭgusto 1951 pli amplekse. Ĉiuj esp-istoj kaj E-organizoj estas petataj helpi nin per alsendo de pli da materialoj. Bonvole sendu ĉion ne malpli frue ol en julio. — Al ĉiu sendinto ni rekompencos per ĉinaj esp-aĵoj.

*Ĉina Esperanto-Ligo, P. O. Kesto 77, PEKING, Ĉinio.*

*L. Platov:*

# Kaj el ŝtono ekfontis akvo

Mi ekvidis ĝin antaŭ tagmezo, en tempo, kiam fatamorganoj estas plej klaraj, kaj demandis min mem, ĉu ĝi eble denove malaperos, kiel ĉiuj tiuj fantomaj akvaj surfacoj, kiujn niaj okuloj, laciĝitaj de senĉesa vibrado de varmega aero, vidadis matene naskiĝi kaj vespere malaperi.

Tiaj fatamorganoj estas en „Malsata stepo" ordinaraj fenomenoj. Ili estas blindigaj lumbildoj, kiuj rebrilis de ŝlimaj sekiĝintaj fundoj de malgrandaj riveroj, ellavitaj de printempaj pluvoj, kvazaŭ ili estus reĵetitaj de grandegaj konkavaj vitroj.

Sed tiu fenomeno daŭris senĉese kaj baldaŭ la radoj de nia ŝarĝaŭtomobilo ekhaltis ĉe marĉo de travidebla akvo. El la malsupro de iu monteto fontis akvo kaj kreis malgrandan lageton.

Mi devas diri, ke la rigardo al tiu ĉi monteto estis iom stranga. Kaj nia scivolemo ŝanĝiĝis en miron, kiam mi forrastis la teron kaj konstatis, ke la monteto havas sian propran internan strukturon. Ĝi estis kungrupigo de mirinde metitaj ŝtonoj, kiu memorigis al ni la grupigon de abelĉelaro. La monteto estis evidente artefarita. Sed kiu ĝin faris? Kiam? Kaj kial?

Kaj dum miaj amikoj esploris la malsupron de la monteto, mi surgrimpis ĝin. Mi ekaŭdis strangan sonon. Kiam mi alpremis la orelon al la tero, mi aŭdis tute klare la faladon de akvaj gutoj kaj malfortan bruetadon, kiu eliris el interno de la stranga konstruaĵo.

Sed nia miro ankoraŭ ne estis ĉe sia fino. Kiam ni fosis proksime de la fonto, ni trovis malnovan ŝtonon, duone superŝutitan. Sur ĝi estis apenaŭ legebla surskribo en arabaj literoj.

Kaj jen estas la surskribo, kiun ni poste sukcesis deĉifri en la etnografia museo de Alma-Ata.

„En jaro 1285 .... sekeco .... stepo. Ĉiuj putoj sekiĝintaj .... mizero .... larmoj. Sed homo, kiu nomis sin Petluchin, kiu scias .... ordonis .... monteton el ŝtonoj. Li konstruis ĝin sekrete. Kaj el ŝtono ekfontis akvo, kiel li antaŭdiris."

Kiu estis tiu ĉi Petluchin? Kial li konstruis tiun ĉi monteton sekrete? Kiel povis la akvo ekfonti el ŝtono? Tiom da demandoj svarmis ĉirkaŭ la fonto kaj surskribo, ke mi preskaŭ pensis pri nova profeto, kiu ekba-

tis per sia bastono rokon kaj el ĝi ekfontis la akvo, kiu savis la nacion, irantan en promesitan landon.

La klarigo estis simpla. La jaro 1285, kiu estis gravurita en la ŝtono, estis laŭ mahometana jarindiko. Laŭ nia jarindiko ĝi estis jaro 1907. Petluchin estis nek reĝo, nek saĝulo, kiu postlasis tie ĉi paŝsignon de misterplena giganta verko, sed li estis bolŝeviko, nomata Vetlugin, kiun en ĉi tiun regionon punekzilis la cara registaro post la unua revolucio, en jaro 1905.

Tion ĉi diris al ni unu geologo, kiu kun sia ekspedicio trairis ĉiujn varmsablajn lokojn de „Malsata stepo“ por esplori, ĉu estas eble irigacii ĝin.

Kaj la historio de la ŝtonmonteto, kiel ni ĝin konstruis laŭ la arkivo de la tiama ĝendarma stacio de urbo Akmolinsk, estas jena:

Vetlugin apartenis al studentoj, pri kiuj oni diradis, ke ili „vizitadis universitaton, sed siajn studojn neniam finis.“ Li devis ilin kompletigi en malliberejo kaj fini en ekzilo.

Li estis tre inteligenta, talentita per meditema spirito de malkovristo, pasie amanta fizikon kaj mineralogion, sed siajn sciencajn laborojn kaj sian unuan libron „Pri Povo super Atmosferaj Aperaĵoj“ li forlasis kaj per tutaj animo kaj korpo sin dediĉis al revolucio. „La venkon super elementoj ni atingos nur tiam, se ni venkos niajn subpremantojn“, deklaris li al siaj amikoj. Liaj scioj pri mineralogio helpis al li tiam fabriki inkojn kaj kolorojn por presi propagandilojn.

En unu nokto eksonis pezaj paŝoj sub la fenestro de lia ĉambro. Fortega ekbatego trarompis la pordon. Estis la domtraserĉaj policorganoj. Ili disĵetis la meblojn, elŝiregis plankon, disĵetis la paperojn, inter kiuj estis ankaŭ la valora manuskripto de la scienca laboro de Vetlugin.

Kaj poste sekvis malliberejoj kaj senfinaj policaj esploradoj. Kaj unu tagon aŭtune alvenis Vetlugin, akompanata de ĝendarmo, al malgranda vilaĝo Dozornoje, perdita en la stepo kaj kuŝanta sur bordo de malgranda rivero nomata Ĉu. Ĝi estis la loko kiun oni destinis al li kiel loĝlokon.

Dum sendormaj noktoj, kaj kiam la dometo skuiĝis pro ventego, li ĉiam pensis pri sia nefinita verko „Pri Povo super Atmosferaj Aperaĵoj“. Li devas daŭrigi, li devas tiun ĉi laboron fini. Li estis decidita fini la verkon senkondiĉe, nur por ke li ne tute indiferentiĝu.

Sen bezonaj fontoj, konfide je sia memoro, dum tutaj tagoj li skri-

badis per sia subtila manskribo sur bluan pak-paperon, la solan paperon, kiu estis havebla ĉe loka komercisto. Kaj por ke li ŝparu tiun ĉi paperon, por li tiel malfacile haveblan, li faris la bezonajn kalkulojn sur planko per peceto da duonbruligita ligno.

Venis la tago, en kiu la papero estis elĉerpita. Kvankam ekstere furiozis ventego, li eliris por alporti paperon. En la pordfosto de la dometo ĵetis la ventego amason da neĝo en lian vizaĝon. Li ekŝanceliĝis kaj poste, klininte la kapon, ekpaŝis en la neĝventon kaj mallumon.

La komercisto loĝis nur 40 paŝojn de lia dometo kaj li jam iris kvindek, sesdek, sepdek paŝojn kaj ĉiam estis antaŭ li dezerte kaj malplene. Li iris maldekstren, returniĝis dekstren . . . kaj ĉiam nenio. Ĉu li tie ĉi mizere pereos? Li ekkoleris kaj iris kaj iris, kiel restreĉita maŝino, malgraŭ tio, ke ventego skurĝis lin de ĉiuj flankoj. Subite li ekaŭdis malfortan sonon de sonorileto. „Kompreneble, ĝi estas sona halucinacio“, li pensis. „Do, tio estas la fino,“ li konsciiĝis kaj svenis.

Kiam li malfermis la okulojn, ŝajnis al li, ke li flosas tra furiozanta maro. Ĉirkaŭ li elmergiĝis kapoj de kameloj, sur kies koloj estis pendigitaj sonoriletoj. Jam preskaŭ senvivan prenis lin karavano de Kazakoj; iliaj kameloj trovis lin en la neĝo kaj tiel li estis savita antaŭ frostmorto. Tiu ĉi aventuro enlitigis lin por kelke da semajnoj, sed alportis al li grandan amikecon de lia savinto, estro de la gento, Sabir Muktamajev, kiu estis homo gaja kaj sociema.

Kaj venis printempo, belega printempo en Kazakstan, kiu per sia beleco rekompencas la homon pro la dezerteco de la antaŭaj jarperiodoj. Vetlugin resaniĝis dank' al longaj promenoj tra ĉarma floranta stepo. Je granda miro de Sabir, li observadis dum longaj horoj la migradon de formikoj sur la tero kaj la movadon de la nuboj sur la firmamento. Vetlugin rememoris, ke amasoj da nuboj signifas belan veteron, sed malpezaj nuboj, konsistantaj el glaciaj kristaloj, avizas pluvon kaj neĝon.

Li komencis ankaŭ studi la direkton de ventoj per paperdrakoj, kiujn li ellasadis antaŭ la amuzantaj sin Kazakoj. El pajlero li faris al si primitivan, sed bone funkciantan higroskopon. Kiam la aero malsekiĝis, la antenetoj, alfiksitaj sur la fino de fendita pajlo, alproksimiĝis. Li konstruis al si ankaŭ ventflageton, pluvmezurilon, sunhorloĝon kaj fine eĉ malgrandan akvopumpilon, funkciigatan de ventolilo.

Estas kompreneble, ke la primitivaj Kazakoj klarigis al si tiujn ĉi



Traktoroj „la pacaj tankoj“, helpas al ni rikolti.

„sorĉaĵojn“, kiujn faris Vetlugin, laŭ sia propra maniero. Ili estis forte konvinkitaj, ke Vetlugin ordonas al ventoj, direktas ilin per siaj paperdrakoj kaj ke la formikoj diras al li, kiam pluvos. La domo de Vetlugin estis ĉiam plena da scivolemuloj.

„La caro timas lin“ diradis inter si la Kazakoj, „kaj pro tio elpelis lin tiel malproksimen.“

Sed efektive pli multe timis la ĝendarma stacio en Akmolinsk, kiu estis maltrankviligita pro la provoj, kiuj eble povus endanĝerigi la ŝtatan aŭtoritaton.

Sed la oftaj, subitaj ĝendarmaj domtraserĉoj ĉe Vetlugin restis sen rezulto. La stepo ĉiam gardis lin kaj ĉiam ĝustatempe lin avertis.

La printempo jam malrapide kliniĝis je la fino kaj Vetlugin estis ĉiam zorgema. L'aj iloj antaŭdiris nenion bonan. Hela ĉielo povis nenion alian antaŭdiri ol mankon de malsekeco. La sunsubiroj estis maltrankviligantaj. Precize en la momento, kiam la suno malaperis, distranĉis la venantan krepuskon brilblindiga verda radio, kvazaŭ oni eltirus glavon el la glavingo.

Ĝi estis la antaŭsigno de malbonaj tempoj. Super la stepo pendis la „Damokla glavo“ de sekeco.

La malfeliĉo efektive rapide proksimiĝis. Ne estis ankoraŭ julio kaj akvo estis jam tre malabunda. Kiel ĉiam ankaŭ ĉi-jare migradis la Kazakoj al la Sudo, al la bordoj de malgranda rivero, kiun la somera periodo ŝanĝis en ĉenon de malgrandaj lagetoj, kiuj donis al la homoj kaj brutaro almenaŭ malmulte da akvo.

Sed ĉi-foje estis la fundo de la rivero seka, la lasta guto da akvo elvaporiĝis. La sola puto en la tendaro donis ĉiutage pli malmute da akvo. Estis necese ŝpari pri ĝi. Vetlugin, kiu vivis en kabano de Sabir, ekrimarkis, ke la Kazakoj ĉien sekvas lin kaj ke ili observas ĉiun lian movon, ĉiun lian rigardon. Unufoje vespere Sabir transdonis al li du pajlerojn.

„Kion mi faru per tio ĉi, Sabir?“

„Tion, kion vi faris printempe. Mi bezonas pluvon, eĉ se malmulte da pluvo.“

Tra la malfermita pordo vidiĝis sur la pura kaj sennuba firmamento brilantaj steloj. En la tendaro blekis brutoj kaj plendis infanoj kaj virinoj.

„Kial vi diras nenion? Printempe mi vidis vin, kiel vi ion flustris super la pajleroj. Ili alproksimiĝis kaj poste venis pluvo. Kial vi ne volas ordoni, ke ĝi venu ankaŭ nun?“

Kion povis Vetlugin fari? Kiel li povis komprenigi al tiuj ĉi simplanimaj homoj, ke tiuj ĉi „sorĉiloj“ kapablas nur antaŭdiri, sed nenion plu.

La sekvan tagon venis en la tendaron maljuna virino, kiu estis fama per tio, ke ŝi sciis bone forsorĉi febron kaj malsekecon.

La maljuna sorĉistino, taŭžita — nome ŝi displektis siajn harligojn, por liberigi la elementojn — kvarpiede marŝis tra la tuta tendaro.

Kaj kion faris Sabir, amiko kaj protektanto de Vetlugin? Ankaŭ li marŝis kvarpiede, kiel la ceteraj, kriegis kaj muĝis, eksaltis kaj denove terenfalis, faris mimikaĵojn kaj adoris oni ne scias kian dion aŭ diablon, por ke ĝi sendu almenaŭ malmulte da pluvo.

Vetlugin estis per tio ĉi tute antipatiigita kaj forkuris en la stepon kaj kuŝiĝis en la elsekigitan herbon. Enprofundiĝinta en siaj pensoj kaj falinta en ian duonkonscion Vetlugin neatendite vidis sin transportita kvazaŭ sub alian varmegan ĉielon, al alia lando, egale sufokata de soifo.

Super grandegaj amasoj da sablo leviĝis du ŝtonaj kolosoj. Unu el ili estis senkapa, ĝia granda kapo kuŝis en la sablo ĉe ĝiaj piedoj.

Stranga sono atingis la orelojn de Vetlugin. Daŭra, profunda kaj barelsona sono. La senkapa koloso kantis.

Kaj Vetlugin rememorigis al si tiun ĉi aperaĵon, denove kaj denove ripetitan en paroladoj de mineralogio.

„En jaro 27a antaŭ Kristo, tertremo deĵetis la kapon kaj parton de la brusto de la statuo de Memnon, proksime al Theb. De tiu tempo ĉiam matene eligadis la statuo harmonian tonon, rememorantan finsonan tonon de kordo, kvazaŭ Memnon, filo de Tithon kaj Aŭroro, salutus alvenon de sia patrino. Laŭ la ordono de imperiestro Septimius Severus estis la statuo rekonstruita en la supozo, ke ĝi pli bele kantos, sed la koloso silentiĝis kaj mutiĝis por ĉiam.

Vetlugin rememoris, ke en la tria parto de lia verko „Pri Povo super Atmosferaj Aperajoj" estas parto, kiu temas pri la roso, pluvo en dezerto kaj kie tiu ĉi apero estas klarigita jene: „La aero de dezerto enpenetras profunden en la fendaĵojn de malvarmigitaj ŝtonoj kaj konservas tie ĉi sian malsekecon. Per la ekapero de unuaj sunradioj ekestis forta elvaporiĝo. La ŝtono fendiĝis kaj tiu ĉi fendaĵo eldonadis la sonon, kiu tiel impulsis la adorantojn de Memnon. Sed kiam la fendaĵoj estis fermitaj, la fenomeno ĉesis."

Vetlugin subite ekkonsciiĝis. Li ekrimarkis ŝafeton, kiun kuraĝigis lia senmoveco kaj kiu proksimiĝis al li kaj ĉirkaŭlekis amaseton da ŝtonoj, sur kiun li kuŝigis sian kapon. Li permane palpis sian vizaĵon. Liaj vangoj estis malseketaj. Ĉu eble li ploris en la sonĝo? Kiel li rememoris la Memnonan statuon? Kaj subite ĉio klariĝis al li.

La aero de dezerto penetris en la ŝtonajn fendaĵojn kaj tie konservis sian malsekecon ... alidirite — roson. Sed la roso tamen estas akvo. Tiu akvo, kiu al ili estas tiel bezonata.

Liajn meditadojn interrompis la alveno de Sabir.

„Ĉu vi ankaŭ estas malsana? Jen, prenu, eltrinku iom da tiu ĉi akvo". Kaj Sabir donis al li kruĉon, en kiu estis malmulto da malpura akvo.

„Vi havos akvon, Sabir! Bonan akvon kaj kiom ajn vi volos havi!"

„Kaj de kie vi volas preni ĝin?"

„De kie ajn."

Kaj Vetlugin donis al li ŝtonon.

„Mi elĉerpos la akvon el tiu ĉi ŝtono. Tiu ĉi ŝtono helpos al mi venki

varmon per malvarmo, varman tagon per malvarma nokto. Ni devigos la ŝtonon, ke ĝi donu al ni akvon."

Fulmrapide disvastiĝis la sciigo kaj jam en la venonta tago centoj da viroj, virinoj kaj infanoj diskuris tra la stepo kaj kolektis ŝtonojn.

Laŭ la ordonoj de Vetlugin ili profundigis en la tero rezervujon por la estonta akvo kaj ĝian fundon fortikigis per rulŝtonetoj, ĉirkaŭhakitaj ŝtonoj kaj argilo. Ili lasis nur mallarĝan breĉon, kiu devus lasi elfluadi la akvon. Kaj super ia volbo, rutine konstruita de Vetlugin, ili metis laŭ plano, kiu estis sekreto de Vetlugin, ŝtonojn tiamaniere, ke la tuta konstruo estu kiel eble plej poroza kaj nokte absorbu plej multe da malsekeco — kvazaŭ grandega spongo — kaj konservu malvarman roson kaj protektu ĝin kontraŭ la elvaporiĝo.

La ŝtonan monteton ili finkonstruis en julio, en la tago, kiam en la puto estis jam la lasta guto da akvo.

En tiu nokto silentemaj homoj grupiĝantaj ĉirkaŭis Vetlugin kaj aŭskultis ĉe la malsupro de monteto, kiel malantaŭ la ŝtona muro forgutas la unuaj malgrandaj gutoj da akvo.

Pasis horoj. Super la bruligita stepo leviĝis la varmega suno. Kaj kiam aperis la unuaj matenruĝoj, alpaŝis Vetlugin, ŝanceliĝante pro laco, al la ŝtono, kiu fermis elfluosulketon, kaj forigis ĝin.

En la monteto ekfluis fonto de pura akvo.

Ni ne scias, kio okazis kun Vetlugin. Sed lia konstruaĵo de ŝtona monteto ĝis nun leviĝas super la akva nivelo kaj super la stepo.

Provizado de „Malsata stepo" per akvo okazas hodiaŭ en pli granda teknika stilo, ol Vetlugin sonĝis, sed estas necese akcenti, ke la principo de precipitado kaj utiligado de roso laŭ lia sistemo estas ankoraŭ hodiaŭ ĉi tie praktikata en ĝardenkulturo.

Observante ankoraŭ lastfoje la ŝtonan monteton, mi rememoris homon, kiu igis ekfonti akvon el la ŝtono kaj je liaj Kazakaj amikoj. Kaj la leganto kredu, ke la ŝtontabulon kun surskribo, ĉe malsupro de monteto, lasis konstrui la fidela Sabir kaj liaj filoj, kiel dokumenton de granda dankemo al sia amiko Vetlugin.

El la ĉeha tradukis *Vlastimil Antoš.*

*St. R. Seemann:*

# Promeso

Kvankam mi nur malgrandeta
Estas esperantisteto,
Tamen ĉiun mi surprizas
Per ĉi tiu poemeto.

Sed mi, dum kreskado mia,
Certe perfektiĝos plue
Kaj parolos kun vi tiam:
Bone, elegante, flue!

# *Valoras lerni Esperanton!*

*Multaj el tiuj, al kiuj ni parolas pri Esperanto, argumentas, ke ne valoras lerni lingvon, kiun ni (pro la nuna neebleco vojaĝi eksterlanden) ne povos uzi en viva interparolo kun alilandanoj. Plej bedaŭrinde estas, ke ankaŭ multaj malnovaj esperantistoj iam-tiam ekdubas, ĉu ilia praktika kono de la lingvo havas ian signifon kiel viva parolata lingvo. Al ĉiuj dubemuloj mi volas raporti pri mia plej nova sperto.*

*Komence de junio koncertis en nia urbo la kolektivo de ĉinaj kantkaj muzikartistoj, kiuj estis revenantaj de la printempa muzika festivalo en Praha. Kiel ĉiam, kiam venas eksterlandanoj en nian urbon, ankaŭ nun mi esploris, ĉu troviĝas inter ili esperantisto. Miaj gekonatoj ofte mokas min pro tio, sed ĉi-foje iliaj ridetoj „frostis sur iliaj lipoj", ĉar inter la ĉinaj artistoj estis s-ano Anbo el Ĥarbin, malnova esperantisto, sed jam sufiĉe longe ne praktikanta Esperanton. Malgraŭ tio ni bone interkompreniĝis. S-ano Anbo estis sufiĉe surprizita, kiam mi alparolis lin, ĉar — kiel li diris — tio ĉi estis la unua fojo, ke li povis utiligi Esperanton en persona kontakto kun eksterlandano. Nun lia intereso pri Esperanto reviviĝis kaj li ekkorespondis.*

*Jen simpla okazintaĵo, kiun iam povos travivi iu ajn el ni. Oni neniam scias, kiam kaj kie en la vivo atendas nin bona ŝanco uzi Esperanton. Tial ne grumblu, uzu la verdan lingvon fervore en interkorespondado kaj praktiku ĝin, daŭre perfektiĝante. Eble vi foje povos renkontiĝi kun via korespondanto, aŭ vi renkontos fremdlandan samideanon kaj plilongigos tiun ĉi renkonton per korespondado. Sed ĉiukaze valoras lerni Esperanton!*

*EVT*

# Gramatika ripetaĵaro

ESPERANTO, kiel viva lingvo — ĉar parolata sporade en la tuta mondo —, estas relative tre juna homa esprimilo. En jaro 1947 ĝi estis 60-jara. Ĝia aŭtoro Dro Ludoviko Lazaro Zamenhof, Varsovia okulisto (15. XII. 1859 — 14. IV. 1917) ĝin publikigis en julio de 1887 en kvar broŝuroj: rusa, pola, germana kaj franca. La titolo de la rusa kajero estis: „Dr. Esperanto. Meždunarodnyj jazyk. Predislovie i polnyj učebnik. Por Rus' o' j.“

Komence la lingvo havis nenian nomon. Poste oni komencis ĝin nomi „Lingvo Esperanto“ laŭ la pseŭdonimo (kaŝnomo) de ĝia aŭtoro.

Dum tiuj kelkdekoj da jaroj Esperanto multe evoluis (ja ne deflankiĝante de sia Fudamento) ne nur lingve, sed ankaŭ literature. Ĝia literaturo riĉiĝis tiamezure, ke ĝi egalas tiun de malgranda nacio.

Al la unuaj gloraj nomoj literaturaj: L. L. Zamenhof, Grabowski, Kabe, Belmont, ktp. aliĝis novaj kiel: K. Kalocsay, Julio Baghy, Jean Forge, Engholm, Raymond Schwartz, Weinhengst, Hilda Dresen, K. Bodó, Miloš Lukáš, ktp., ktp.

Aperis novaj fundamentaj verkoj prilingvaj: „Plena Vortaro de Esperanto“ (SAT-vortaro), „Plena Gramatiko de Esperanto“ de Kalocsay kaj Waringhien, „Lingvo,Stilo, Formo“ de Kalocsay, „Parnasa Gvidlibro“ de Kalocsay kaj Waringhien, ktp., gravaj gazetoj kaj revuoj: Heroldo de Esperanto, Literatura Mondo, Malgranda Revuo, Esperantologio (internacia revuo por lingvistiko kaj bibliografio de Esperanto), ktp.

Ankaŭ aperis lingvo-instruistoj de internacia signifo kiel: Andreo Cseh kaj ties disĉiploj Julio Baghy, Tiberiu Morariu, Margarete Saxl, Henrik Seppik, Ferenc Szilágyi, ktp.

Tiu ĉi Gramatika Ripetaĵaro volas modeste helpi al junaj samideanoj, kiuj intencas prezenti siajn konojn al kompetenta komisiono por akiri diplomon pri kapablo instrui Esperanton en lernejoj kaj kursoj.

Ĝi estu do helpanto al ĉiu, kiu ĉi-cele etendos al ĝi la manon.

1. *Kiom da partoj havas la Esperanta gramatiko?* Tri: a) fonetiko, b) vortfarado kaj c) morfologio kun sinetio aŭ sintakso.

2. *Kio estas fonetiko?* Scienco, kiu pritraktas la sonojn de la lingvo.

3. *Kiaj estas la sonoj de Esperanto?* a) vokaloj: a, e, i, o, u; b) konsonantoj: b, c, ĉ, d, f, g, ĝ, h, ĥ, j, ĵ, k, l, m, n, p, r, s, ŝ, t, ŭ, v, z, c) diftongoj: aŭ, eŭ, oŭ — aŭdi, neŭtrala, poŭpo.

4. *Kiaj estas la vokaloj laŭ daŭro?* Mallongaj kaj longaj.

5. *Ĉu la longeco estas iamaniere markita en la vorto?* Ne. Ĝin estigas en la prononco nur la kvalito de la akcenta silabo.

6. *Kia akcenta silabo havas longan vokalon?* — La malfermita akcenta silabo.

7. *Kiu silabo estas „malfermita"?* Kies vokalon sekvas vokalo aŭ nur unu konsonanto — ne/i, pa/la, ple/ne, skri/bi, ko/ro, ku/ru, kaj simile.

8. *Kia silabo estas „fermita"?* Tiu, post kies vokalo sekvas almenaŭ du konsonantoj — pa/tro, o/nklo, k. s.

9. *Kie troviĝas la akcento en Esperanto?* La ĉefa, la plej forta, akcento kuŝas ĉiam sur la antaŭlasta silabo de la vorto — kara, la/boro, memor/inda, indivi/duo, k. s.

10. *Kion vi scias pri la akcento de la unusilabaj vortoj?* Ili ne havas akcenton, sed povas esti akcentataj en verspiedoj: „Rozon/*por* vi, /*ho* fraŭ/leto/, *mi* ĝin/trovis/*sur* vo/jeto", eĉ en proza teksto, kiam sur ilin falas senca akcento — *Ne* knabo, sed knabino ĝi estas!

11. *Kiuj du-kaj trisilabaj vortoj havas mallongan vokalon en akcenta malfermita silabo?* a) la tabel-vortoj — kia, kie, kio, kiu, ktp. b) pronomoj: ili, oni; mia, via, sia, ktp. c) prepozicioj: apud, preter, super, kaj d) la trisilabaj tabelvortoj — nenia, nenie, nenio, neniu, ktp.

12. *Kio estas litero?* Grafika signo de sono.

13. *Kiajn lieterojn havas Esperanto?* a) malgrandajn literojn aŭ minusklojn kaj b) grandajn literojn aŭ majusklojn.

14. *Kia lingvo estas Esperanto laŭ sia sonsistemo?* Ĝi estas fonetika lingvo, t. e. al la sama sono respondas ĉiam la sama litero — alivorte: tiu sama litero estas ĉiam same prononcenda.

15. *Kia estas la Esperanta ortografio?* Ĝi estas fonetika, t. e. ĉiu vorto estas skribenda tiel, kiel oni ĝin ĝuste prononcas.

16. *Kiuj literoj estas fremdaj en Esperanto?* La duobla vo(w), la grekaj kso(x) kaj i(y), la latina kvo(q), la german-hungaraj — ö, ü, kaj ä.

17. *Ĉu ili estas uzeblaj en Esperanta teksto?* Jes, sed nur en fremdaj vortoj.

18. *Kiel oni dividas linio-fine la vortojn?* Trimaniere: a) laŭ maniero Zamenhofa: memor-ind-a, b) laŭ maniero preseja: mem-or-ind-a kaj c) laŭ maniero silabuma: me-mor-in-da.

Laŭ a) la dividlimoj estas: radikoj kaj afiksoj, laŭ b) vorteroj finiĝantaj je konsonantoj. La tria maniero havas fiksitajn regulojn.

19. *Kiuj vortoj estas skribendaj en Esperanto majuskle?*

a) la unua vorto de propozicio kaj frazo, b) ĉiu propra nomo de persono, besto kaj aĵo, do: baptonomo, familia nomo, alnomo, moknomo, pseŭdonimo, geografia nomo; nomo de societo, instituto, politika partio; titolo de libro,

muzikaĵo, kanto, opero, teatraĵo, poemo; gazeto, revuo, titolo laŭ societa funkcio kaj akademia titolo,

c) ĉiu nomo, kiu koncernas Dion aŭ iun ajn personon de la Dia Triunuo,

d) vortoj: Esperanto, Esperanta, Esperante kaj Esperantujo; pro ĝentileco,

e) la persona pronomo „Vi", kiam ĝi ne estas subjekto de frazo, ĝia posesiva formo „Via" kaj ĉiu nomo per kiu oni letere alparolas,

f) la unua vorto post dupunkto kaj citilo en rekta parolo,

g) la nomo de personigita ideo,

h) la de la propra nomo derivita adjektivo kaj adverbo: la Martina grupo, Zamenhofaj vortoj, li parolas Martine, k. s.

20. *Kion vi scias pri la skribado de popolnomoj?* Ĉe ilia skribado regas duformeco. Iuj skribas ilin minuskle — anglo, hungaro, k. s. kaj iuj kun majusklo — Anglo, Hungaro, k. s.

21. *Kiel oni skribas la nomojn de la monatoj?* Simile al la popolnomoj. Pli internacia estas la minuskla skribado — januaro, februaro, marto, ktp.

22. *Nomu la signojn de la interpunkciado!* Ili estas: punkto(.) komo(,), punktokomo(;) dupunkto(:), tripunkto(. . .), haltostreko(—), krampoj([ ]), citiloj („"); steleto(*), apostrofo ('), demandosigno (?), krisigno(!) kaj dividstreko(-).

23. *Kiam oni uzas punkton?* — Ĉiu propozicio kaj frazo indika finiĝas per punkto — Pluvas. Petro kuŝas. Petro kuŝas en lito. Petro kuŝas en lito, ĉar li estas malsana, k. s. Ankaŭ mallongigoj finiĝas per punkto — t. e. = tio estas, k. s.

24. *Kie oni skribas komon?*

a) post la vortoj de alparolo,

b) inter samspecaj vortoj kaj frazelementoj,

c) inter kunorditaj propozicioj,

d) antaŭ kaj post apozicio, krome,

e) komo apartigas subordditan propozicion de la ĉefa.

25. *Kion vi scias pri la punktokomo?* Ĝia uzo ne estas ankoraŭ fiksita. Oni povas ĝin anstataŭigi per punkto.

26. *Kie estas uzata dupunkto?*

a) antaŭ citaĵo en rekta parolo,

b) antaŭ eksplika nombrado.

27. *Kion oni signas per tripunkto?* Ion nediritan. Plej ofte en poezio.

28. *Kiam oni uzas haltostrekon?* Kiam oni volas ion diri emfaze aŭ apartigi intermetitajn frazerojn aŭ propoziciojn.

29. *Kiam oni uzas krampojn?* Kiam oni intermetas en la frazon ion frazkonstrue memstaran.

30. *Kiam oni uzas citilojn?*

a) en rekta parolo,

b) por pli emfaze signi la titolon de verko, ktp.

31. *Kiam oni uzas steleton?* Per ĝi oni atentigas je piednoto. Preferinde estas uzi ĉi-kiale ciferetojn.

32. *Kiam oni uzas apostrofon?*

a) por signi la elizion de la artikolfinaĵo,

b) por signi la elizion de la substantiva finaĵo.

Ambaŭ eliziojn oni uzas nur en poezio pro ritmaj kialoj.

33. *Kiam oni uzas dividstrekon?*

a) por transporti vortoparton en novan linion,

b) en kunmetitaj vortoj,

c) en kunmetoj kun proksimiga vorteto „ĉi" — ĉi-rilate, ĉi-nokta, k. s.,

d) por signi la ellasitajn literojn — D-ro, esp-isto = esperantisto, k. s.

34. *Kiam oni uzas demandosignon?* En demandaj propozicioj.

35. *Kiam oni skribas krisignon?* Post:

a) ordonaj propozicioj,

b) propozicioj dezir-esprimaj kaj,

c) ekkriaj.

1. *Kia lingvo estas Esperanto laŭstrukture?* Ĝi estas aglutina lingvo, t. e. lingvo, kies elementoj estas neŝanĝeblaj kaj sekve neŝanĝite gluiĝas unu al la alia por formi vorton.

2. *Kio estas vorto?* Sonoj aŭ sonaro, silabo aŭ silabaro, esprimantaj ideon — homo, floro, tria, bela, kantas, ktp.

3. *El kio konsistas la vortoj?* El: a) radiko(j), b) prefikso(j), c) sufikso(j) kaj d) gramatika finaĵo.

4. *Kio estas radiko?* Silabo aŭ silabaro, kiu signas koncepton — personon, beston, objekton, nombron, agon, ktp.

5. *Kio estas prefikso?* Silabo, kiu deantaŭe gluiĝas al la radiko kaj nuancas ties signifon. — bo-, ek-, eks-, ge- ktp.

6. *Kio estas sufikso?* Silabo, kiu demalantaŭe gluiĝas al la radiko kaj nuancas ties signifon, iu eĉ kreas novan radikon — -an-, -id-, -eg-, ktp.

7. *Kio estas gramatika finaĵo?* Litero, kiu gluiĝas senpere al la radiko aŭ afikso (= prefikso kaj sufikso), kaj determinas ties gramatikan karakteron, eventuale modon, tempon eĉ ambaŭ.

8. *Kiuj estas la gramatikaj finaĵoj?* -*o* por substantivo, -*a* por adjektivo aŭ similkaraktera vorto — juna, vespera, iranta, dua, kantata, k. s. -*e* por derivita adverbo aŭ similkaraktera vorto — june, vespere, irante, due, kantate, k. s. -*aŭ* de primitiva adverbo — hodiaŭ, preskaŭ, ktp -*i* por nedifina verbo — kanti, lerni, k. s. -*j* por pluralo — junaj viroj, k. s. -*n* por akuzativo — junan viron, k. s. -*n* por verbo en prezenco (as-tempo), -*is* por verbo en preterito (is-tempo), -*os* por verbo en futuro (os tempo), -*us* por verbo en kondicionalo aŭ kondiĉa modo (us-modo), -*u* por verbo en imperativo, volitivo aŭ ordona modo(u-modo).

9. *Kiamaniere oni faras novajn vortojn?* a) per kunmetado de radikoj kaj b) per derivado el radikoj per veraj afiksoj.

10. *Kiuj afiksoj estas veraj?* — Tiuj, kiuj ne obeas la regulojn de kunmetado. Ili estas: bo-, eks-, ge-, mal-, pra-; -aĉ, -eg, -et, -um, -ĉj, -nj, -obl, -on, -op.

11. *Kiu ĝenerala principo estas valida ĉe la vortfarado?* — La principo pri Neceso kaj Sufiĉo.

12. *Kiel tekstas la pricipo pri Neceso kaj Sufiĉo?* „Oni enkonduku en la konstruon de la vorto ĉiujn elementojn, kiuj necesas, sed ne pli ol kiom sufiĉas por la klara kaj plena elvoko de la esprimota ideo.“ (René de Saussure.).

13. *Kiaj estas la radikoj laŭdevene?* a) aprioraj — la tabelvortoj, elpensitaj de Zamenhof mem, kaj b) aposterioriaj, kiujn li prenis el la naturaj lingvoj.

14. *Kiomspecaj estas la en Esperanto uzataj vortoj?* a) oficialaj, b) neoficialaj, al kiuj apartenas ankaŭ la tiel nomataj neologismoj.

15. *Kiu oficialigas la radikojn de Esperantaj vortoj?* — La Lingva Komitato Esperantista ĝis 1948, de tiu ĉi jaro la Akademio de Esperanto, kiu propre estas nur la ŝanĝita nomo de Lingva Komitato.

16. *Kio estas neologismo?* — Ĝi estas nova, antaŭe neuzata vorto, ankoraŭ neoficialigita — sinistra = maldekstra, frida = malvarma, ascendi = supreniri, ktp .

17. *Ĉu estas permesite uzi neologismojn?* Jes, sed oni klarigu ilin en piednotoj. Nur la vaste uzataj kaj ĉiuflanke elprovitaj neologismoj povas esti oficialigitaj.

18. *Kian tendencon oni sekvas per neologismoj?* a) malpliigi la mal-vortojn, kiuj abundas en la lingvo, b) pliriĉigi la poezian vortaron per pli mallongaj kaj ofte pli elvokivaj vortoj.

19. *Kia vorto estas homonimo?* Vorto, havanta la saman formon kun malsama signifo — aro = amaso; aro = 100 m², ero = parteto, ero = difinita epoko, kor' = koro, kor' = hebrea mezurio, ktp. La homonimojn multe similas la t. n. kalemburoj aŭ vortludoj kiel — diamanto-Diamanto, sentema-sen/tema, je kiuj Esperanto estas tre riĉa.

20. *Kio estas sinomino?* Vorto, kiu havas la saman aŭ proksimuman signifon kiel alia, laŭforme malsimila vorto — gajni-akiri, gvidi-konduki, melolonto-majskarabo, Galaksio-Laktovojo, asterio-marstelo, asterisko-steleto, k. s.

21. *Kio estas paronimo?* Vorto simile sonanta al alia vorto, sed kun diferenca signifo — agordo-akordo, akcidento-okcidento, pezi-pesi, ktp.

22. *Kion vi scias pri la karaktero de radikoj?* Ili estas:

a) substantivaj — vir, hom, ŝton, ktp.,

b) adjektivaj — bon, jun, san, kuraĝ, ktp. kaj

c) verbaj — ir, lud, kant, dorm, ktp.

23. *Kian gravecon havas la radikkaraktero ĉe vortfarado?* — Tian, ke oni scias, per kiu sufikso estas derivebla la respektiva vorto. Ekzemple: el la verba radiko „komb" oni faras nomon de instrumento per sufikso -il- kombilo, sed el substantiva radiko „martel" oni ne povas fari nomon de instrumento per la il-sufikso, sed simple per gramatika o-finaĵo — martelo, k. s.

24. *Kiajn vortojn oni nomas „samelementaj"?* Kies radikkaraktero identas kun la gramatika karaktero de la respektiva vorto — vir-o, la radiko „vir" estas substantiva kaj same la o-finaĵo. Samelementa gramatika finaĵo faras el substantiva radiko substantivon, el adjektiva radiko adjektivon kaj el verba radiko verbon.

25. *Kiaj vortoj estas „malsamelementaj"?* En kiuj la radikkaraktero kaj la gramatika vortkaraktero estas malsamaj — ludo, la radiko „lud" estas verba kaj la o-finaĵo substantiva. Malsamelementa gramatika finaĵo faras el substantiva radiko: adjektivon aŭ verbon, el adjektiva radiko: verbon aŭ substantivon, el verba radiko: substantivon aŭ adjektivon.

26. *Kian signifon havas la afiksoj koncerne la vortaran flankon de la lingvo?* En la vortaro oni ŝparas lokon per ili. Se oni konas la radikkarakteron de la respektiva vorto kaj la signifon de la afiksoj, oni mem povas fari la bezonatan vorton, sekve ĝi estas superflue en la vortaro.

27. *Kion signifas la o-finaĵo en la unuopaj radik-kategorioj?* Post substantivaj radikoj:

a) konkretaĵon aŭ personon — tero, vir-o,

b) abstraktaĵon — animo, fiziko, laŭ la senco de radiko,

Post adjektivaj radikoj: a) abstraktaĵon — bon-o, kuraĝ-o, b) en poezio kun kunteksto: konkretan manifestiĝon aŭ personon — ŝia belo = ŝia belulo, la banaloj de la vivo, banaloj = banalaĵoj,

Post verbaj radikoj: a) la nomon de la respektiva ago — iro, kuro, skribo, b) konkretan manifestiĝon de ago, helpe de kunteksto — sigelu la skribon = skribaĵon, k. s.

28. *Kion signifas la a-finaĵo en la unuopaj radikkategorioj?*

Post adjektivaj radikoj ĝi signifas nur kvaliton — bona piro, kuraĝa salto,

Post substantivaj radikoj:

a) kvaliton — mastra konduto, b) rilaton aŭ apartenon — patra domo.

Post verbaj radikoj:

a) rilaton — skriba tasko, perfida ago, b) en poezio ankaŭ kvaliton — penetra rigardo. En poezio ĝi povas anstataŭi participon — la envia homo = envianta . . .

29. *Kion signifas la i-finaĵo en la unuopaj radikkategorioj?*

Post verba radiko ĝi neniam ŝanĝas ties karakteron, el transira verboradiko fariĝas transira verbo kaj el netransira radiko verbo netransira.

Post substantivaj radikoj ĝi signifas: a) agi per -o — bros-i, violon-i, telefon-i, b) agi karakterizate de — fabel-i, kapriol-i, c) funkcii kiel -o — pastr-i, najbar-i„

Post adjektivaj radikoj ĝi signifas: nur esti -a aŭ ŝajni -a — san-i, verd-i, fort-i, k. s.

30. *Kion vi scias pri la radikiĝo de afiksoj?*

Ĉiu vera afikso (krom -ĉj kaj -nj) post alpreno de gramatika finaĵo, povas akiri funkcion de radiko — eta, etulo, etulino, aĉa, aĉulo, aciĝi, k. s.

31. *Kion vi scias pri la prefiksiĝo de radikoj?*

Iu vera radiko povas akiri funkcion de vera prefikso, t. e. ne obei la kunmetajn regulojn — virkato, sovaĝbesto, ĉefartikolo, k. s.

32. *Kiel nomiĝas la elementoj, el kiuj konsistas la kunmetita vorto? a) ĉefelemento,* b) flankelemento(j).

*33. Kie staras en la vortkunmeto la ĉefelemento?* Ĉiam en la vortofino. Al la kunmetita vorto ĝi donas la ĉefan sencon kaj same la gramatikan vortkarakteron — famili-ano, leter-papero, ĉeval-bredado, k. s.

34. *Kie staras en la vortkunmeto la flankelemento?* Antaŭ la ĉefelemento — famili-ano, leter-papero, ĉeval-bredado, k. s.

35. *Kian vortelementon oni nomas „latenta“?* Tian, kiu en la vortkunmeto funkcias kaŝe, nevideble, ekzemple en — violon-i.

La i-finaĵo ĉi tie signifas „agi per -o“, do agi per violono aŭ pli simple violon-e agi = violon(e)-i. Do en la vorto „violon-i“ latenta elemento estas la e finaĵo.

En la vorto „inter-nacia“ = inter-naci(oj)-a, latenta elemento estas la j-finaĵo, k. s.

36. *Kiel efikas la ĉefelemento je sia antaŭa flankelemento?* — La substantiva ĉefelemento substantivigas sian flankelementon, se ĝi ne estas substantiva — skrib maŝino ne estas skribimaŝino, sed skribo-maŝino aŭ maŝino de skribo. k. s.

La adjektiva ĉefelemento same substantivigas sian flankelementon — kurpreta ne estas kuripreta, sed preta je (al) kuro, do kuro-preta, k. s.

La verba ĉefelemento sian flankelementon:

a) adverbigas — bon-farti = bone farti. aŭ b) adjektivigas, farante el ĝi predikatan adjektivon — kunrasti = rasti kuna, ruĝ-pentri = pentri ruĝa, t. e. pentri tiel ke ĝi estu ruĝa.

La adverba ĉefelemento, t. e. la e-finaĵo, memkompreneble ĉiam adverbigas sian flankelementon.

Post substantivaj radikoj la e-finaĵo signas:

a) instrumenton per kiu la ago okazas — skribi krajone = per krajono.

b) lokon, kie la ago okazas — kuri voje = sur vojo, stari korte = en korto.

c) tempon, kiam la ago okazas — prediki matene = en mateno, vagi somere = dum somero.

d) agi kiel aŭ agi kvazaŭ — ludi

infane = kiel infano aŭ kvazaŭ infano, k. s.

Post adjektivaj radikoj ĝi signas ĉiam nur manieron.

Post verba radiko la e-finaĵo signas:

a) agi per — instrui skribe = per skribo,

b) agi kiel — paroli kuŝe, ĉi-sence ĝi (en poezio) egalas participon aktivan aŭ pasivan laŭ la senco de la predikata verbo, do paroli kuŝe = paroli kuŝante, aspekti civilize = civilizite, k. s.

37. *Kion esprimas la flankelemento de substantiva ĉefelemento?* a) rilaton aŭ apartenon — dom-pordo = pordo de domo, leter-kesto = kesto por leteroj, b) materialon — paper-skatolo = skatolo el papero, fer-vojo = vojo el fero, c) substantivan epiteton — aglo-birdo = birdo, kiu estas aglo, instruisto-Slovako = Slovako, kiu estas instruisto. Inter la du vortoj ekzistas nenia rilato, ili estas simple apudmenitaj kaj kunskribitaj: instruisto Slovako.

38. *Kiam estas korekta la substantiva kunmeto?* Kiam ĝi estas analizebla:

a) per iu prepozicio inter la du substantivoj — dompordo — pordo de domo, cigarujo — ujo por cigaroj, papersako — sako el papero, b) per simpla apudmeto — homlupo — homo lupo aŭ lupo homo, k. s.

39. *Kiam estas korekta la kunmeto kun adjektiva ĉefelemento?* Kiam ĝi estas analizebla: a) per prepozicio „je", „al" aŭ „pri"; „por" ŝton-plena = plena je ŝtonoj; sang-avida = avida je sango, avida pri sango; kur-preta = preta je kuro aŭ al kuro, por kuro; glob-simila = simila je globo aŭ simila al globo; or-riĉa = riĉa je oro k.s. b) kiam ĝi estas simpla kunskribo de adverbo kaj adjektivo — pure-ora, sane-ruĝa; ĉi-kaze oni devas uzi dividstrekon inter la du vortoj, c) kiam ĝi estas simpla apudmeto — surda-muta, slovaka-Esperanta; ankaŭ ĉi-kaze inter la elementoj skribenda estas divid-streko.

40. *Kiam estas korekta la kunmeto kun verba ĉefelemento?* Kiam la flankelemento signas: a) manieron de la ago — kri-voki = krie voki, bru-fermi = brue fermi, b) rezulton de la ago — fin-legi, dis-kuri, kunrasti, k. s.

41. *Kion signas la o-finaĵo kiel ĉefelemento post nesubstantivaj radikoj?* Post adjektiva radiko: a) abstrakton — dolĉo, b) konkretaĵon — dolĉo = dolĉaĵo, dolĉo, kiu estas aĵo, c) kvaliton — dolĉo = dolĉeco, dolĉo, kiu estas eco, d) personon — dolĉo = dolĉulo, dolĉo, kiu estas ulo, k. s.

Konkretaĵon, kvaliton kaj personon ĝi povas signi nur kun kunteksto, kaj estas ĉi-sence uzebla nur en poezio.

Post verbaj radikoj ĝi signas: a) agon — skribo = skribado, b) rezulton de la ago — skribo = skribaĵo, post iuj verbradikoj eĉ, c) abstraktaĵon — amo, timo, ĝojo, ktp.

Post prepozicioj ĝi signas: plej ofte konkretaĵon — antaŭo = antaŭaĵo, ĉirkaŭo = ĉirkaŭaĵo, en kunmeto: ŝipantaŭo, domĉirkaŭo, k. s.

Post numeralo ĝi signas la nomon de la kvanto — unuo, duo, deko, cento, milo, k. s.

42. *Kion signas la a-finaĵo kiel ĉefelemento post ne-adjektivaj radikoj?* — Post substantiva radiko: apartenon, rilaton aŭ kvaliton — homa kranio (homapartena kranio), lingva fenomeno (lingvo-rilata fenomeno) ora monero (orkvalita monero), k. s.

Post verba radiko ĝi signas same rilaton, apartenon aŭ kvaliton — skriba maniero (skrib-apartena maniero), skriba tasko (skrib-rilata tasko), kolera rigardo (kolerkvalita rigardo) k. s.

Post prepozicio ĝi signas: kvaliton aŭ

pozicion rilate al io — ena bildo (bildo estanta en), suba jupo (jupo estanta sub), k. s.

Post numeraloj ĝi signas: vic-numeralon — unua, dua, tria, centa, mila, k. s.

43. *Kion signifas la i-finaĵo kiel ĉefelemento post ne-verbaj radikoj?* Post substantivaj radikoj (se la radiko signas ilon aŭ korpoparton) ĝi signas: agi per — vipi, agi per vipo, vergi, agi per vergo, korni, agi per kornoj, beki, agi per beko, k. s.

Se la radiko signas alian objekton aŭ mason, ĝi signas: tegi per, provizi per, ŝmiri per — ori, tegi per oro, akvi, provizi per akvo, farbi, ŝmiri per farbo, k. s.

Se la radiko signifas personon: agi kiel -o — mastri, agi kiel mastro, k. s.

Post adjektivaj radikoj ĝi signas ĉiam nur: esti -a aŭ aspekti -a — nigri, esti aŭ aspekti nigra, beli, esti aŭ aspekti bela, k. s.

Post prepozicioj ĝi signas same: esti -a — apudi, esti apuda, kontraŭi, esti kontraŭa, k. s.

44. *Kiam oni konservas la gramatikan finaĵon en la kunmeto?* Oni konservas la finaĵon de la flankelemento: a) se la ellaso de la finaĵo estigus malfacile elparoleblan konsonant-grupon — pastr(o)prediko, ŝrank(o)krado, sign(o) kompostado, k. s. b) kiam la elementlimaj konsonantoj estas voĉa kaj senvoĉa aŭ senvoĉa kaj voĉa — fig(o)konfitaĵo, pot(o)desegno, k. s. c) kiam la du konsonantoj estas samaj — korp(o)parto, arb(o)brulo, k. s. d) se la manko de la finaĵo estigus alian sencon — fe(o) kanto (fekanto), in(o)formo (informo) post(e)ulo (postulo), unu(a)foje (unufoje), k. s.

La alisencecon oni povas eviti, se la elementojn oni kunligas per dividstreko — fe-kanto, in-formo, k. s. Sed ĉe la du lastaj ekzemploj eĉ tiu ĉi maniero ne helpas.

Inter la elementoj estas konservenda tiu finaĵo, kiun estigas la vortefiko de la ĉefelemento!

45 *Kia grava diferenco estas inter la veraj sufiksoj kaj sufiksoj neveraj (sufiksoidoj)?* Per vera sufikso oni derivas novan vorton, dum per nevera sufikso (sufiksoido) oni kunmetas novan vorton.

46. *Kiu vortfara maniero estas pli ĝenerala en Esperanto kaj kial?* *La kunmeta*, ĉar Esperanto estas lingvo aglutina kaj havas pli da neveraj afiksoj.

47. *Nomu la substantivajn sufiksoidojn!* Oficialaj estas: aĵo, ano, aro, eco, ejo, ero, estro, ido, ilo, ino, ismo, istò, ujo kaj ulo.

Neoficialaj estas: *io*, por formi la nomon de lando el urbo- aŭ rivernomo (Zamenhofa) kaj landonomon el la nomo de landanoj — Meksikio, Nigerio (rivernomo). Italio, Persio, k. s. *iko*, por formi la nomon de scienco — estetiko, poetiko, stilistiko, k. s. *ito*, por fari la nomon de inflamo el la nomo de organo — bronkito, apendicito, encefalito, k. s.

48. *Nomu la adjektivajn sufiksoidojn!* Oficialaj estas: ebla, ema, inda.

Neoficialaj estas: *enda*, kun signifo: devas esti-ata — trinkenda, kio devas esti trinkata k. s. *eska* anstataŭ -simila aŭ -maniera — vireska virino (virsimila virino), ĉineska vazo (ĉin-maniera vazo), k. s., *iva* anstataŭ -kapabla aŭ -pova — muzikiva (muzikkapabla, muzikpova), naĝiva (naĝokapabla, naĝopova), k. s., *oza* anstataŭ -plena, -riĉa — ŝtonoza (ŝtonplena, ŝtonriĉa), montoza (montriĉa, montplena), k. s.

49. *Nomu la verbajn sufiksoidojn!* Oficialaj estas: adi, igi, iĝi.

Neoficialaj estas: *izi* en senco provizi per -o(j) — akvizi (provizi per

akvo), salizi (provizi per salo), vagonizi (provizi per vagonoj) k. s.

50. *Kion oni scias pri la sufikso „um“?* Ĝi estas vera sufikso, per kiu oni derivas el radikoj novajn radikojn, aparte lernendajn — el radiko „buŝ“: buŝumo, el „kol“: kolumo, k. s.

51. *Kio estas prefiksoido?* Silabo aŭ silabaro (vorto), kiu gluiĝas de-antaŭe al la verba radiko aŭ radiko verbigita — ek, for, vir, inter, post; ktp. Oni povas konsideri tia ankaŭ „pre“, kies signifo estas: antaŭ — preskribi = antaŭskribi, ktp.

52. *Kiu lingva elemento povas esti prefiksoido?* a) Adverbo — for, ek, dis, mis, re, retro (neoficiala = dorsdirekte), b) prepozicio — al, antaŭ, ĉirkaŭ, ktp., c) radikvorto — ĉef, jun, sovaĝ, vir, ktp., d) interjekcio — fi, ve, e) sufikso — et, etbieno, eturbano, ktp.

## III. MORFOLOGIO

1. *Kio estas morfologio?* — Ĝi estas scienco pri la formo de la vortoj.

2. *Kio estas la vorto laŭ siaj speco kaj funkcio?* a) Laŭ sia speco ĝi estas parolelemento kaj b) laŭ sia funkcio en la propozicio aŭ frazo ĝi estas frazelemento.

3. *Kiavidpunkte oni povas studi la parolelementojn?* — Laŭ iliaj formo kaj uzado en la parolo.

4. *Nomu la parolelementojn laŭ ilia speco!* a) Substantivoj, nomoj de konkreta aŭ abstrakta viva aŭ neviva estaĵo kaj ideo — domo, homo, kato, Petro, herbo, ŝtono, Brno, bono, kuraĝo, ktp. b) adjektivoj, nomoj de la kvalitoj — bona, kuraĝa, maja, vespera, aŭtuna, ktp. c) pronomoj, kiuj anstataŭas substantivojn aŭ adjektivojn — mi, vi, oni, iu, kia, nenio, ktp. d) numeraloj, indikantaj kvanton — tri, kvina, sesope, ktp. e) verboj, kiuj esprimas agon aŭ staton, faratan aŭ suferatan de iu aŭ io — atendi, ludas, saltu, plorus, ktp. f) adverboj, kiuj indikas diversajn cirkonstancojn de la ago — bone, vespere, tuj, ie, morgaŭ, ktp. g) prepozicioj, montrantaj eksterajn rilatojn inter la estaĵoj — sur, inter, al, per, ĉirkaŭ, sub, super, ktp. h) konjunkcioj, kiuj servas por kunligi frazojn aŭ frazelementojn — kaj, aŭ, ke, sed, ĉar, nek, ktp. i) interjekcioj, kiuj esprimas ideojn pri sento — aj!, ah!, ha!, huŝ!, fi!, fu!, ŝ!, ktp.

*St. R. Seemann:*

# Ĝardeno

Ĝi — verda, floranta
Peceto da tero —
Orname ĉirkaŭas la domon.
Post pena laboro,
Dum tago, vespero,
Ĝi ade freŝigas la homon.

# Pri Hoĝa Nasr-eddin

De s-ano Ferruh Canatay en Malatya, Turkujo, ni ricevis leteron, atentiganta nin pri erareto, troviĝanta en la aperigita anekdoto (vidu E. S. n-ro 3—4 1950): „Nasreddin Hoĝa (aŭ Hoĝa Nasreddin) naskiĝis kaj mortis en Akŝehir. Krom tiu urbeto kaj ĝia ĉirkaŭaĵo li neniam estis en aliaj urboj, eĉ ne tiuj de tiama Turkujo. Do ne eblas, ke li estus iam irinta al Bagdad. Lia tombo troviĝas en Akŝehir, interne de land-limoj de Turkujo. Oni lin ne konfuzu kun persono el „Fabeloj de Mil kaj Unu Nokto". Alian, arbitre elektitan anekdoton pri li, mi tradukas: . . ."

*Hoĝa Nasr-eddin kaj lia azeno.*

*Iun tagon venis al Hoĝa Nasr-eddin lia najbaro kaj petis de li prunte lian azenon.*

*— La azeno ne estas hejme! — diris Hoĝa. Sed dum foriro de la vizitanto la azeno ekkriegis en sia loko. Tiu aŭdante la kriegon, revenis al Hoĝa kaj diris:*

*— Hoĝa, vi asertis, ke la azeno ne estas hejme; sed ĝi bruas hejme!*

*Hoĝa respondis kolere: — Ho viraĉo, ĉu vi pli kredas al mia azeno, ol al mi?*

Alia anekdoto, aperigita en „The British Esperantist":

*Hoĝa Nasr-eddin kaj la kaldrono.*

Foje Hoĝa Nasr-eddin prunteprenis de najbaroj kaldronon. Post kelkaj tagoj li ĝin redonis, enmetinte en ĝin kaserolon.

„Kion signifas ĉi tio, Hoĝa?", demandis la najbaroj.

„Via kaldrono naskis idon!", respondis serioze la instruisto.

La najbaroj diris nenion plu. Post kelkaj tagoj li denove bezonis la kaldronon kaj prunteprenis ĝin, sed ĉi-foje longan tempon li ĝin retenis.

„Hoĝa", diris fine la najbaroj, „kie estas nia kaldrono?"

„Ĝi mortis", respondis Hoĝa Nasr-eddin.

„Ĉu mortis!?" — ekkriis la najbaroj. „Kiel ĝi povas morti? Rapide alportu ĝin al ni!"

„Ho, hipokrituloj!", diris tiam la Hoĝa. „Ke la kaldrono naskis idon, tion vi facile kredis kaj akceptis ĝin; sed nun, kiam mi diras al vi, ke ĝi mortis, vi ne volas min kredi. Ĉu tio, kio naskas, ne devas ankaŭ morti? Mi diras al vi, ke via kaldrono mortis kaj neniam plu vi ĝin revidos!"

# Elektitaj proverboj

(El Proverbaro Esperanta de Zamenhof)

Venis fino al mia latino.

Kiu domaĝas groŝon, perdas la tutan poŝon.

Virina lango buĉas sen sango.

Virina ploro sen valoro.

Por Paŭlo sperto — por Petro averto.

Danĝera estas bovo antaŭe, ĉevalo malantaŭe, kaj malsaĝulo de ĉiuj flankoj

Kiun vi festas, tia vi estas.

Oni batas, malkaresas, kaj eĉ plori ne permesas.

Ŝerce dirite, cele pensite.

Du militas — tria profitas.

Pli kara kapo ol ĉapo.

Por pot' argila poto fera estas najbaro danĝera.

Propra sufero plej granda sur tero.

Fremda mizero — ridinda afero.

Tajloro krimis, botisto pendas.

Monto gravediĝis, muso naskiĝis.

Vizaĝo sen kulpo, sed koro de vulpo.

Hundo bojas, homo vojas.

Bato de frato estas sen kompato.

Okazo kreas ŝteliston.

Forverturis malsaĝa, revenis nur pli aĝa.

Nin instruas eraro, kiun faras najbaro.

Ne en unu tago elkreskis Kartago.

Spiko malplena plej alte sin tenas.

Plej bone ridas, kiu laste ridas.

Oni lin konas kiel malbonan moneron.

Korvo al korvo okulon ne pikas.

Ne kotas besto en sia nesto.

Ne ŝovu nazon en fremdan vazon.

Parolo estas arĝento, oron similas silento.

Dum la manĝado venas apetito.

Mankas klapo en lia kapo.

Kuiriston vaporo satigas.

Se Peĉjo ne semos, Petro ne rikoltos.

Bojas hundo sen puno eĉ kontraŭ la suno.

Sur la ventro veluro, en la ventro murmuro.

Pri tio jam ĉiuj paseroj babilas.

Eĉ sur la suno troviĝas makuloj.

Li havas ankoraŭ lakton sur la lipoj.

Senlaboreco estas patrino de ĉiuj malvirtoj.

Muelilo haltas, muelist' eksaltas.

Ofta festo, malplena kesto.

Ĝi tuŝas lin kiel akvo anseron.

Li vidas nur ĝis la pinto de sia nazo.

En bona ordo tra la pordo!
Konfido naskas konfidon.
Malsaĝulo ne griziĝas nek senhariĝas.
Staras la morto jam en la korto.
Ne gutas mielo el la ĉielo.
Nomo egala, sed esenco mala.
Ne venas rato mem al kato.
Unua venis, unua prenis.
Por malfrua gasto restas nur osto.
Esperis flaton, ricevis baton.
Inter lupoj kriu lupe.
Kiel akirite, tiel perdite.

*M. Landry:*

# Pri afisoj

Oni scias, ke en la ordo de la himenopteroj, kies plej famaj reprezentantoj estas vespoj kaj abeloj, ekzistas multego da familioj, kies inoj ne trovis pli bonan rimedon por asekuri la estontecon de sia idaro, ol demeti ovojn en la korpo de vivantaĵo, insekto aŭ araneo, kiu daŭre gastigos la larvojn post la naskiĝo, ilin nutros per sia propra substanco, ĝis ĝi estos tute malplena.

Iu grupo specialiĝis por ataki afisojn. Estas ĝenerale tre malgrandaj vespoj — ne mezurantaj pli ol 3 aŭ 4 milimetrojn — kies abdomeno estas facile distingebla de la torako, al kiu ĝin ligas maldika pedunklo. Oni havas multajn ŝancojn observi ilin, kolektante afisojn.

Jen unu el ili, kiu atakas la afisojn, instalitajn sur rozujaj branĉoj. Ĝia apero maltrankviligas la malviglan aron. La minacitaj malespere alkroĉiĝas al ilia branĉo, helpe de la beko kaj de la ungoj de la malantaŭaj piedoj, sed la vespo jam kaptis unu. Ĝi baraktas, svingas la kvar liberajn piedojn, provas forkuri. Vanaj klopodoj. La atakanto direktas sian flekseblan abdomenon inter siaj piedoj, serĉas la lokon, kie ĝi enigos sian pikilon. La viktimo, baldaŭ paralizita sed vivanta, plu ne rezistas. La borileto eniĝas en la korpon kaj tie demetas ovon.

Poste ĝi forlasas la afison, kiu por ni neniel diferencas de la aliaj. Baldaŭ en ĝi vekiĝas fremda vivo, kiu malrapide, iom post iom, ĝin konsumas neniam manifestiĝante ekstere, ĝis kiam la interna malamiko metamorfoziĝinte malfermas elirejon, forlasante la ŝvelaĵon kun piedoj etenditaj, kiu ŝajnas esti dikega, sed estas tute malplena.

*Esperantigis Maurice Cézar.*

## EL ESPERANTUJO

*Jarkunveno de Slovaka Esperanto-Societo por 1950* okazis en Praha la 17-an de junio ĉi-jara, en kadro de tiu de EAĈSR. Dum 1950 funkciis 12 lokaj grupoj kaj 2 gimnaziaj studrondoj. La membrokotizon pagis 578 anoj kaj 35 anoj de la junulara sekcio. Estis decidite ne akcepti plu el Slovakio abonon por Esperantisto Slovaka sen membrokotizo. En 1950 okazis 4 regionaj kunvenoj kaj la plimulto de la kluboj kunvenadas regule. Kelkaj lokaj grupoj de Slovakotour (fremdultrafika organizo) tre helpis nin per eldono de lernolibro, prospektoj kaj disponigo de ejoj kaj elmontraj fenestroj. Okazis 20 kursoj publikaj por gelernantoj, pri kiuj ĉefe meritis s-ano K. Šolc el Mladá Boleslav (danko protokole esprimita). En februaro faris ekzamenon pri lingvoscio 20 ges-anoj, ĝis hodiaŭ vane atendantaj ateston. En Svit estis aranĝita 2-semajna somera Esperanto-kolegio (filialo de Doksy) kun brila sukceso. La gazeto aperis en 12 n-roj; ĉefan atenton altiris la prigrota duobla kajero kun profundpresa aldonaĵo. — Post raportoj de la kasisto kaj revizoroj kaj konsento pri absolutorio la ĝisnuna estraro estis alplenigita. S-ano A. D. Kremer, rezigninta pro santato, estis elektita honora vicprezidanto. Fine estis decidite pritrakti kun EAĈSR okazigon de slovaka landa E. — kongreso kaj ĝis tiam aranĝi ĉiumonatajn region. kunvenojn.

*II-a kunveno de Regiono Žilina de Slov. Esp. Societo* okazis la 1-an de julio 1951 en Martin. Partoprenis ĝin 30 ges-anoj el 14 lokoj (inter la gastoj estis Moravianoj kaj Pollandano). Malfermis ĝin regiona peranto Aŭg. Čambál per porpaca deklaro. Post tralego de protokolo de la I-a reg. kunveno sekvis priparolo de la ĝisnuna agado kaj ĝiaj mankoj. — D-ro L. Izák, deĵoranta vicprez. de SES pritaksis la pasintjaran sukcesan kunlaboradon de E-instruisto K. Šolc, kiu ĝuste nun tre mankas al ni. Krome li raportis pri jarkunvenoj de EAĈSR kaj SES kaj pri tri ĉi-jaraj regionaj kunvenoj moraviaj, kiujn li partoprenis kaj kiuj estas modelo kaj instigilo ankaŭ por ni. — El inter la perantoj raportis A. Čambál pri Martin, M. Lezo pri Martin-Vrútky, O. Hoffman (skribe) pri Mikuláš, krome alparolis J. Lamačka el Trenčín, St. Horák el Svit, E. Dobisová el B Bystrica kaj la gastoj. — E. V. Tvarožek, gvidanto de Organiza Fako de SES parolis pri la hodiaŭaj stato, signifo kaj tasko de la movado. La plimulto de niaj Lokaj Grupoj jam aliĝis al ROH (Revolucia Sindikata Movado) aŭ funkcia jam ekde komenco kiel sekcioj de entreprenaj rondetoj. — Estis decidite eksigi la martinan lokan peranton pro malagemo, aranĝi regionan kunvenon la 26-an de aŭgusto en Mikuláš (kun vizito de la grotoj de Demänová) kaj fine de septembro en Banská Bystrica, resp. ĉe la grotoj de Harmanec. — Post komuna tagmanĝo sekvis vizito de Slovaka Nacia Muzeo. — Ekspozicion en elmontrafenestro de Slovakotour aranĝis s-anoj Čambál kaj Lamačka. — Sabate, la 30-an de junio okazis interkonatiĝa vespereto kun sukcesa improvizita programo.

*El Liptovský Mikuláš.* La 14-an de marto pasintjara esperantistoj de nia urbo unuafoje kunvenis. La 10 gepartoprenintoj decidis fondi lokan grupon kaj aranĝi kurson. Por propagandi nian movadon en nia urbo, ni kolektis diversajn Esp. librojn, broŝurojn, gazetojn,



Abunde fluu la oraj greneroj . . .!

leterojn, bildojn, glumarkojn kaj rememoraĵojn -donacojn de Esp. korespondantoj- kaj ni aranĝis malgrandan ekspozicion en elmontrafenesto sur la urboplaco. Dank' al tiu ĉi propagando kaj alvoko per urba laŭtparolilo, la nombro de aliĝintoj estis surprizige alta. Nian unuan kurson gvidis s-ano Karol Šolc el Mladá Boleslav laŭ la Ĉe-metodo kaj ekzamenon faris 22 partoprenintoj. Dum la kurso la anaro decidis aliĝi al urba Slovakotour, loka grupo por fremdultrafiko, kiel ĝia Esperanto-sekcio. Ĝi estis reprezentita per 4 anoj en tutŝtata Esp. kongreso en Brno, kie nia prezidanto fariĝis komitatano de EAĈSR. Por plua perfektiĝo en Esperanto, niaj anoj partoprenis Somerajn kolegiojn en Doksy kaj Svit. En kadro de Slovakotour ni partoprenis laborbrigadojn. Ni estis reprezentitaj en pluaj laborkunvenoj.

Nia sekcio okazigis kelkajn plensukcesajn ekskursojn en la proksiman montaron. En novembro estis la 2-a kurso por komencantoj, kiun aliĝis 12 anoj de Slovakotour. Dum la jaro 1950 okazis entute 40 kunvenoj, kies programo estis perfektiĝado, kantado, prelegoj, ludoj kpt. La sekcion gvidis prezidanto PhMr. Ondrej Hoffmann, sekretariino Marta Hajdu, kasisto Jozef Ruttkay kaj protokolisto Miloslav Janek.

*M. Hajdu.*

# PER ESPERANTO AL TUTMONDA PACO

# Skribas la leganto

Trarigardante vian lastan (bonvenantaj estu pluaj centoj!) numeron de ES mi konstatis (ree ! ), ke vi ne ĉesas mian edzinon nomi *litovanino* kaj ŝian tradukon el litova — anstataŭ *latvanino* kaj *latva* lingvo. Sed tion nur preterpase.

Mian specialan atenton altiris kanto de progresema nederlanda junularo kaj pri ĝi mi sendas al vi kelkajn rimarkojn:

1. Temas pri origine franca kanto el jaro 1945 „Au devant de la vie", paroles françaises de Jeanne Peret, musique de D. Šostakovič.

2. En 2-a eldono de Centra dana esperantista ligo „Kantate antaŭen" el jaro 1947 troviĝas la unua traduko de Henri Micard. Sube ĝia teksto.

Franca.

REKONTE AL VIVO.

(Au devant de la vie ...)

En urbo jam fajfas, ho, kara,
uzinoj kaj trajnoj en ag'.
Ni iru rekonte al vento,
ni iru rekonte al tag'.
Ni kantu, kara, en la vent', ekstaru ni,
al sunleviĝo iras jam popoluni'.

Kaj ni la brigadon salutos,
salutos l' amikojn per rid'.
La planojn, laborojn kaj zorgojn,
ni metu jam nun en divid'.
Ni kantu ktp.

Ho, kara, vin vekas la ĝojo,
ni iru kuniĝi al ĥor'.
Ni marŝu al glor' kaj al mondo,
ni marŝu al ĝuo de l' kor'.
Ni kantu ktp.

En sia triumfa feliĉo
geknaboj ekiras kun kant',
kaj baldaŭ per nova knabaro
riĉiĝos denove la band'.
Ni kantu ktp.

Amikoj, envias nin mondo,
kun koroj pli brulaj ol flam'
ni iru rekonte al vivo,
ni iru rekonte al am'.
Ni kantu ktp.

Trad. Henri Micard

3. Via melodio estas ankaŭ kelkloke malĝusta, nome ĝia gamo estas F maĵora plue kelkaj misaĵoj en rekantaĵo. Unua noto estas antaŭtakto kaj nur $1/8$, ne $1/4$.

4. En la kantaro de nia ČSM oni povas ĝin trovi sub jenaj komencaj vortoj: Nás vzbudilo ráno již chladné.....

5. Ke ni en Židenice la kanton jam delonge kantas, estas jam superflua rimarko, do mi finas.

*Frant. Jakubec.*

Mi legis kun intereso kaj kun ĝenerala aprobo la artikolon en la marta n-ro pri: Misaj kaj mise uzataj vortoj en Esperanto, de J. V. Dolinsky.

Ĉu mi rajtas atentigi, ke „instruitulo" iomete diferencas de la ceteraj vortoj listigitaj? Ĉiu persono irinta al lernejo estas „instruito", sed ne „instruitulo" laŭ la senco en kiu tiu lasta estas uzata. La pravigo por tiu formo estas „ulo karakterizata per instruiteco" do, intelektulo k. s. Cetere la argumentoj kaj ekzemploj estas validaj kaj atentindaj.

Ĉu vi permesas al mi atentigi ankaŭ pri stranga fenomeno de nia uzado, kiun memorigas al mi la jena artikolo? S-ro Dolinský uzas „korekta" por la senco „ĝusta". Laŭ Plena Vortaro „korekto" = ĝustigo; „korekti" ĝustigi; sed „korekta" = ĝusta! Tute malkonsekvenca konkludo. Laŭ tio „korekta" devas = ĝustiga.

En la sama numero troviĝas „Pliperfektiĝu" Tio ne eblas! „Perfekto" estas ja la fina stadio. Ne ekzistas komparativo por tio!

Mi finu, esprimante al vi mian admiron kaj koran gratulon pro la bonega revuo, kiun vi redaktas. Laŭ ĉiuj starpunktoj ĝi estas modela revuo.

*Mason Stuttard.*

---

## ANONCETOJ

MALLONGIGOJ: dez.—*deziras;* kor. —*korespondi;* iŝ.—*interŝanĝi, -as;* pm. —*poŝtmarkoj(n);* pk.—*poŝtkartojn;* il. pk.—*ilustritajn pk;* ĉ. l.—*ĉiuj landoj;* ĉ. t.—*ĉiuj temoj;* t. m.—*tuta mondo;* espaĵoj(n)—*esperantaĵoj*(n): esp-isto—*esperantisto;* ktp.—*kaj tiel plu;* k. s.—*kaj simile;* rk.—*respondkupono internacia;* g.—*gazeto;* Rc!—*respondas certe!*

Ĉiu anoncanto morale devigas sin respondi almenaŭ unufoje al ĉiu, kiu skribos al li.

s-ano Ján Motulko, TRNAVA, Radlinského 5/II, ĈSR-Slovakujo, dez. kor., iŝ. pm., il. pk. kun t. m. Rc!

s-ano Imre Ferenczy, 19-ja. gimnaziano, ESZTERGOM-TÁBOR, Sátorkői út 8, Hungario, dez. kor. kaj iŝ. pm., il. pk. kun t. m. Rc!

s-ano Tocho Mavroff, 18-ja. lernanto, BURGAS, Str. Alexander Viliky 27, Bulgario, dez. kor. pri div. t., iŝ: pm., pk. kaj il. g-ojn.

s-ano Vlastimil Antoš, BRNO, Bašty 4., ĈSR, serĉas gekorepondantojn el ĉ. 1. Rc!

s-ano Josef Horník, D. MĚCHOLUPY 204, p. Praha 200, ĈSR dez. kor., iŝ. pm., il. pk. kun t. m. Rc!

s-ano Dinko K. Pavlof, gimnaziano, BURGAS, ul. Car Samuil 61; Bulgario, dez. kor. kun t. m., iŝ. pk. bk., g-ojn.

s-ano Miyozi Kazekami, WADA 1214, Wakayama-si, Japan, dez. kor., iŝ. bk. (belartajn reproduktaĵojn), liĥtenŝtejnajn kaj svislandajn neuzitajn U. P. U.

EL BURGAS, Bulgario, dez. kor., iŝ. pm., il. pk., g-ojn kpt. Angel Dimov, Str. Debeli 94; Ivan Petrov Mastrov, Str.. Troian 96; Stepan Staikov Giĉev, Str. Luben Karavelov 53; Dinko K. Pavlov, Ul. Car Samuil 61; Toncho Mavrov, Str. Alexander Viliky 27; Zaprjan Ivanov, Str. Zevsky 23.

*Verdstela Ĥoro de Ŝanhaja Esperanto-Ligo* dez. ricevi kantojn liberigajn kaj revoluciajn kun muziknotoj, en Esperanta traduko almenaŭ proza. Adreso: P. O. kesto n-ro 636, ŜANHAJO, Ĉinio. Krome ŜEL peras korespondadon kun jenaj gekamaradoj: 38-ja oficisto de ŝipkompanio, 31-, 25-, 24-jaraj oficistoj, 23-ja, muzikamantino, 22-ja librotenistino de kooperativo, 22-ja help-denstito, 24-ja studento de Popoldrama-fakultato, 27-ja komponisto de infankantoj, 21-ja. studento de Radio-lernejo, 22-ja studento de Financ- kaj Ekonomia-fakultato.

S-ano Prosper *Herygers*, ANTVER--PEN, Lavendelstr. 7. Belgio, dez. kor. kaj iŝ. pm, il. pk.

S-ano Frant. *Ryba*, 25-ja. ĉeĥa kamarado SEDLICE 267, u Blatné dez. kor. kun slovaka kamaradino.

S-ano Lad. *Buzek*, ORLOVÁ-III., 213, okres Karviná, ĈSR, dez. kor. kun t. m. Rc!

S-ano V. *Trojan*, 21-ja. ministo, ŽACLÉŘ 53, ĈSR, dez. kor. ĉefe kun laboristoj el t. m. pri ĉ. t. Rc!

S-ano A. *Petersen*, ODENSE, Danujo, ne akceptas plurajn proponojn por korespondado.

S-ano Lauri *Hákli*, 24-ja., Seminaari, KAJAANI, Finlando, dez, kor. kaj iŝ. pk.

S-anino Vera *Mehrtens*, 28-ja dommastrino (23) BREMEN, Claussenstr. 13, Germanio dez. servi la pacon kaj iŝ. pm., g-ojn.

S-anino Maria *Heeger*, (22c) BEBSBERG-KÖLN, Overatherstr. 77, Germanio, Brita zono, dez. kor. kun gefilatelistoj.

s-ano Ján Hadámek, lernejdirektoro, JAKARTOVICE, okr. Opava, ĈSR, iŝ. kun t. m. il. pk., flug-pm. kaj alumetetikedojn. R. tuj k. ĉiam.

S-ano Kazimierz *Dytlof*, 20-ja. studento, SOSNOWIEC, Sucha 68, Pollando, dez. kor. kun t. m.

S-ano Janusz *Gajos*, SOSNOWIEC, Bracka 16, Pollando, dez. kor. kun t. m.

S-ano Adam *Matkiewicz*, KRAKÓW, Ul. B. Joselewicza 7' Pollando, dez. kor. kaj iŝ. bildk.

S-ano Zbigniew *Warmuz*, KRAKÓW-XI, Ul. Szwedzka 16, Pollando, dez. iŝ. leterojn pri ĉ. t.

S-ano Helge *Sjöberg*, laboristo, pentristo, GNOSJÖ, Fack 7., Svedio, dez. kor.

S-ano Harry *Hansson*, HABO, PL 497, Svedujo ,interesiĝas pri pacbatalo, teatro, kanto, muziko, sporto.

*Ľudo Izák:* KURZ ESPERANTSKÉHO DOPISOVANIA (7. pokrač.).

Upozornenie: Keď chcete vymieňať poštové známky a ceniny so zahraničím, informujte sa napred v Poštovom vestníku oblast. riaditeľstva č. 20. z 26. XI. 1949 (ktorý má každá poštová správa), o podmienkach a predpisoch, lebo ich neznalosť nikoho neospravedlňuje pred úradmi!

Predpona „bo-“ značí príbuzenstvo vzniklé sobášom:
boparenco, boparencino, boparencoj
bopatro (tesť i svokor), bopatrino, bopatroj
bofilo, bofilino (zať, nevesta)
bofrato, bofratino (švagor, švagriná) atď.

Predpona „ge-“ značí obe pohlavia (kladie sa len pred množný počet mužského rodu!)
*gepatroj* — rodičia, *geavoj* — starí rodičia,
*gefiloj* — deti (oboj. pohl.), *genepoj* — vnuci,
*gefratoj* — súrodenci, *geonkloj* — ujec (strýc) a teta (ujčiná, stryná)

Túto predponu používame i na označenie (zvýraznenie) oboch pohlaví: *Gekamaradoj!* (Súdružky a súdruhovia!) *Gesinjoroj!* (Panie a páni!) *Gesamideanoj!*

Gelernantoj, geamikoj, geknaboj, *geprofesoroj* (profesor s manželkou, alebo profesori a profesorky)

Tre ŝatata kamarado,

mi sendas al vi jam denove leteron, kaj almetas poŝtmarkojn, kvankam mi ne scias, ĉu vi deziras ilin (interŝanĝi). Ankoraŭ ankaŭ bildkartojn mi almetas. *Pro kio* vi silentas? *Versimile* vi ŝatus *ekscii*, kiu kaj kio mi estas. Mia nomo (estas) Ján Vanovič, 15-jara metia lernanto (metilernanto). Mi loĝas en Priekopa, ĉe miaj geavoj, ĉar nek patron, nek patrinon mi havas, eĉ ne gefratojn, ĉar ili *mortis* jam antaŭ jaroj, do mi *restis* sola. Mi *veturadas ĉiutage per vagonaro* (vagonare) al Martin, kie *troviĝas* mia *laborejo* (entrepreno, en kiu mi laboras). Mi tre ŝatas mian laboron kaj la lernadon, post kiu ni *ludas* kaj kantas. Ni ludas per *pilko* kaj kantas progresemajn kantojn originalajn kaj tradukitajn. Hejme mi ludadas kun nia ŝafeto, kiu estas vere *ĉarma* kaj *vigla besteto*. Ni havas ankaŭ *kortbirdaron:* kokinojn, anasojn kaj anserojn: ilia *idaro kreskas* tre rapide. — Mi tre ŝatas ankaŭ legi, precipe min interesas fremdlanda *junularo* kaj ĝia konstrua kaj porpaca laboro. Verŝajne ankaŭ vi interesiĝas pri nia *junular-organizado*, do se vi konsentas (pri tio), ni povus intersanĝi ankaŭ gazeteltondaĵojn kun Esperanta traduko.

Mi ricevis vian adreson de kamarado Pavol Vanko, kiu ne havas tempon (sed verŝajne emon) al korespondado.

*kaj* — a, i (aj), *kaj . . . kaj* — i . . . i (aj . . , aj)
*nek . . . nek* — ani . . . ani (pozor: nek sa užíva len v tejto zdvojenej forme!
*eĉ* — ba i, dokonca i; *eĉ ne* — ani
havi — mať, mi (atď.) havas — mám (atď.).

*Koko* — kohút; *kokino* — sliepka; *kokido* — kurča.
*Bovo* — vôl; *bovino* — krava, *bovido* — teľa. Bujak — *virbovo!*
*Kato* — mačka (všeobecne); kocúr — virkato; mačka (samica) — katino; mačiatko — katido.
*Ansero* — hus (všeob.); gunár — viransero; hus (samica) — anserino; húsatko — anserido.
*Anaso* — kačka; viranaso — anasino — anasido.
*Ŝafo* (virŝafo, ŝafino, ŝafido) — ovca (baran, ovca, baranča).
Pravidlo: keď z názvu zvieraťa alebo vtáka nie je jasné pohlavie, na označenie samca používame *vir-* ako predponu, samice *-ino* ako príponu a mláďaťa *-ido* ako príponu.
*vero* — pravda, simile — podobne, versimile — pravdepod.
scii — vedieť, *ek*scii — zvedieť, dozvedieť sa
*pro kio?* — prečo? . . . *pro tio* — preto
*metia lernanto* (metilernanto) — učeň
*silenti* — mlčať. *Silentu!* — Mlč (mlčte)!
*nomo* — meno, *nome* — menovite (podľa mena)
*loĝi* — bývať, loĝ*ejo* — byt, bývanie; loĝ*anto* — obyvateľ
mi havas nek patron, nek patrinon: (doslovne) mám ani otca, ani matku. Pravidlo: esperanto nepozná dvojitý zápor (nemám ani . .)
mi ne havas, eĉ ne havis familion (nemám, ba ani som nemal rodinu)
*morti* — zomrieť, mort*o* — smrť, mort*a* — mŕtvy, *ĝismorte* — dosmrti
do — teda, *sola* — sám, jediný; sol*e* — jedine
*veturi* — cestovať, vetur*adi* — cestúvať
*ĉiutage* — každodenne, ĉiu*matene* — každé ráno, ĉiu*vespere* atď.
*vagono* — vozeň, vago*naro* — vlak, *persona* v. — osobný v.
*entepreno* — podnik, enteprena — podnikový, enteprene*ma* — podnikavý
*ludi per pilko* — hrať sa s loptou
*progreso* — pokrok, progrese*ma* — pokrokový
*traduki* — preložiť, traduko — preklad,
*ĉarma* — pôvabný, *vigla* — živý, *besto* — zviera
*birdo* — vták, *birdaro* — vtáctvo, *kortbirdaro* — hydina
*kreski* — rásť, kresko — vzrast, *altkreska* — urastený
*rapidi* — ponáhľať sa, rapid*a* — rýchly, *rapidvagonaro* — rýchlik
*juna* — mladý, junulo — mladík, junularo — mládežž
*paco* — mier, pac*a* — mierový, *porpaca* — mierový, za mier
*vero* — pravda, *ŝajno* — zdanie; *verŝajne* — pravdepodobne
*organizi* — organizovať, *organizo* — organizácia
*konsenti pri* io — súhlasiť s niečím
mi konsentas *kun* vi *pri* tio — súhlasím s tebou o tom
*gazet-el-tond-aĵ-o:* novinový výstrižok, v. z novín
*emo* — chuť, em*i* — mať chuť, skrib*ema* — kto rád píše